# KONTAKTO

numero 221 (2007:5)

ISSN 0023-3692

# EKOLOGIO

EKOLOGIAJ MITOJ

POLOJ ADOPTAS ARBOJN

LA MONDO PLASTIĜAS

... KAJ MULTO ALIA!



Saluton, karaj legantoj kaj amikoj de *Kontakto*!

Tiu ĉi numero estas dediĉita al ekologio. Por substreki la seriozecon de la momento mi eĉ faris specialan foton – fone de bela arbo, kies nomon mi, bedaŭrinde, ne scias. Mankis ankoraŭ surmeti iun specialan insignon, ekzemple, "Mi estas naturamiko". Kaj, se paroli serioze, ekologio estas tiel grava kaj tiel vasta temo, ke eblas paroli pri ĝi senfine. Bedaŭrinde (sed feliĉe por la redaktoro), la grandeco de la revuo ne estas samgranda, do, en tiu ĉi numero ni provos trakti la problemon nur per kelkaj tuŝoj.

Interalie, vi trovos ĉi-foje la meditojn de profesia biologo pri la moderna stato kaj eĉ sencoj de "ekologio", iom polemikan artikolon pri la naturprotektaj mitoj, kelkajn skizojn al la ekologia portreto de la Azova Maro (bedaŭrinde, multe suferinta antaŭnelonge pro kelkaj averioj de kontener-ŝipoj), rakonton pri la unika trolebusa linio en Krimeo kaj priskribon de pozitivaj ekologiaj trajtoj de vegetarismo. Krome, vin atendas la rakonto pri la negativaj postsekvoj de plastaĵ-uzado kaj raportoj pri la natur-defendaj aktivaĵoj kaj iniciatoj en Pollando kaj Brazilo.

Tamen, se inter niaj legantoj hazarde troviĝas la malŝatantoj de ekologio – ankaŭ tiuj havos sufiĉe da legaĵoj. Interalie, legu la rakonton pri interesa gento el Ĉinio, produktanta vestojn el fiŝa haŭto, rigardu novan pecon de aventuroj de Rat-Man, finlegu la prezenton de Esperanta Vikipedio kaj konatiĝu kun interesa kulturo de berberoj.

Mi esperas, ke tiu ĉi numero estos por vi, karaj legantoj, ne nur interesa, sed ankaŭ pensiga kaj ag-instiga. Fine mi dankas ĉiujn aŭtorojn kaj invitas ĉiujn kuraĝe kaj aktive kontribui al la sekvaj numeroj de *Kontakto*! Ĉiuj viaj kontribuoj estas ege atendataj kaj ĉiam bonvenaj!

*Paŭlo*

## Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*

**Numero 221 (2007:6). La ĉef-temo – "Literaturo"**
**Numero 222 (2008:1). La ĉef-temo – "Neordinaraj hobioj"** (la limdato – la 1a de februaro)
**Numero 223 (2008:2). La ĉef-temo – "Teknologioj kaj scienco"** (la limdato – la 1a de aprilo)
**Numero 224 (2008:3). La ĉef-temo – "Edukado tra la mondo"** (la limdato – la 1a de junio)

Ĉiuj viaj artikoloj (ajnatemaj) kaj proponoj estas bonvenaj kaj tre bezonataj!

## <ENHAVO>



## Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


*Kontakto*: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 221** (2007:5), 44-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Grafikisto/vic-redaktoro:** Eugenia (Ĵenja) Amis (Ukrainio/Usono). **Korektisto:** Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniel Richard Bebelacqua Acosta (Urugvajo), Daniele Binaghi (Italio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Olubunmi Osho-Davies (Niĝerio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko, (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. *Kontakto* **en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Iom pri nuntempa ekologio

Tatjana Auderskaja,
Ukrainio

Ekologio iĝis nun laŭmoda vorto. Oni parolas pri "ekologio de urbo", "ekologio de kulturo" ktp. Tamen la vorto, proponita de E. Gekkel en la jaro 1866, origine rilatis nur al naturo. Ĝi signifis "scienco pri la hejmo", kaj vere – oni ne povus eltrovi pli taŭgan vorton: ja ĝuste naturo estas nia komuna hejmo, nia prapatrujo. Antaŭ jarcento oni ankoraŭ ne povis konscii pri tio tiel profunde kaj amplekse, kiel ni nun; kaj tiom pli valoras la genia intuicio de tiamaj esploristoj. Sed kion ni faras nun sur nia planedo – nia komuna hejmo? Ĉu pliboniĝis la vivo dum la lasta jarcento?

La ŝanĝoj en la vivo estas teruraj, kiam ili venas frape, kiam revolucio okazas dum kelkaj tagoj aŭ monatoj. Sed kiam estonteco venas malrapide, poiomete, kiel natura sekvo de plej etaj, nerimarkeblaj, ĉiutagaj eventoj – tiam ĝi ne timigas, sed akcepteblas kiel sola ebla, natura sekvo de aferoj. Oni pensas, ke alie eĉ ne povus okazi…

En 1986 en Sovetunio estis kreita filmo "Kin-dza-dza", antaŭnelonge tradukita kaj sonigita en Esperanto. Verŝajne, multaj esperantistoj jam vidis ĝin. Ĉu ili rekonis en ĝi nian nunan vivon? En la filmo loĝantoj de iu planedo (kompreneble, ne la popolo, sed ties gvidantoj) forhakis verdaĵojn, preskaŭ foruzis akvon, kaj rezulte la planedo estis inundita de sablo. La tieaj homoj kapablas uzi la potencajn teknologiojn, ili povas flugi al aliaj galaksioj kaj steloj, uzante por tio la gravit-forton, – sed ĉion ĉi inventis iliaj prapatroj, kaj la tekniko uzeblas, ni diru, "aŭtomate", sen kompreno pri la kialoj de ĝia funkciado. La arto degradis ĝis la plej mizera stato, trovebla, eble, ĉe ŝtonepokaj kanibaloj – sed transportiloj estas perfektaj. Malriĉaj homoj manĝas "plastan kaĉon" kaj ricevas po unu tason da akvo tage. Ankoraŭ unu planedo estas jam tute senviva, ĉar ĝiaj loĝantoj (fakte, denove iliaj gvidantoj) forvendis la tutan aeron de ĝi.

La filmo, mi ripetas, estis kreita antaŭ 20 jaroj. Ĉu vi ne sentas, ke ni *jam* vivas en la estonteco, priskribita en ĝi?



Ĉu ni ne loĝas *jam* en la mondo, kie oni freneze forhakas verdaĵon por konstrui domojn kaj golfejojn? Eble oni ne faras tiel en ĉiuj landoj (en iuj lokoj oni certe multe pli bone zorgas pri la naturo), tamen "la hejmo" – nia planedo – estas komuna, kaj aero kaj oksigeno (dume) apartenas al ĉiuj, kaj ankaŭ manko de ili influos ĉiujn. Ĉu ni ne loĝas *jam* en domoj kun plastaj mebloj, plastaj fenestroj, plastaj tapetoj, plasta manĝilaro? Ĉu ni ne surmetas sintetikajn vestaĵojn, ĉu ni ne manĝas manĝaĵojn, kiuj duone konsistas el GMO (genetike modifitaj objektoj) kaj kemiaj ingrediencoj, kiel diversaj E-330, E-450, E-171 ktp, ktp? Oni denove povus diri, ke en riĉaj landoj tiuj substancoj estas malpermesitaj, ke ili estas eksportataj nur al la t.n. "tria mondo". Sed mi denove respondas, ke la domo estas komuna, kaj procedoj en unu parto ne povas ne influi la aliajn. Ekzemple, ju pli malbona iĝas la vivo en iu triamonda lando, des pli grandnombre ĝiaj loĝantoj elmigras al riĉaj landoj kun bonaj vivkondiĉoj. Ja la hejmo estas komuna...

Estus ege bone, se la vorto "ekologio" komence de la 21-a jarcento reekhavus sian originan, filologian sencon: ĝi estu scienco pri la stato de nia komuna hejmo – la planedo Tero. Kaj reguloj por konduto (ne malpurigi la medion, ne insulti la najbarojn, ne prirabi kaj ne mortigi ilin, ne pretendi perforte regi samrajtajn kunloĝantojn) devas esti samaj por ĉiuj teranoj. Aliokaze nia Tero facile transformiĝos en imagitan planedon Kin-dza-dza, kaj ĝia imagita nuno iĝos nia kruele malica estonteco.



# Mitoj pri naturprotektado

Aleksandro Galkin,
Rusio/Germanio

Pro rapida publika pligraviĝo de naturprotekta agado en amaskomunikiloj firme establiĝis la esprimoj "ekologio", "karbondioksida malpurigo", "ozona truo", "tutgloba plivarmiĝo" kaj "forceja efiko". Tiuj terminoj apelacias al la sentoj de ĉiu racia homo kun kaŝita mesaĝo: "Ni devas protekti la naturon, kiun ni tiel senzorge malpurigas!". Kvankam tiu mesaĝo estas sendube korekta kaj nobla, la granda mon-alfluo al tiu tereno provokis pliajn trograndigojn kaj eĉ kripligojn de la faktoj por akiri pli da mondonacoj sub la standardo de "naturprotektado".

Kiel skribas Paul Watson, unu el la fondintoj de *Greenpeace*, poste forlasinta la organizon, la naturproktekta kampanjo (li skribis ĉefe pri la agado de *Greenpeace*) similas al kolportado for de unu organizo al la alia petante monon kun samtempa lerte kondukata "publika reago" en pluraj amaskomunikiloj kun la celo esti ĉiam sur la titolpaĝoj de la plej legataj periodaĵoj. Verŝajne ĝuste tiu "kondukita publika respondo" kulpas pri tio, ke fakvortoj de naturprotektado unuflanke jam fariĝis kliŝoj, sed aliflanke foje ege devias de sia vera (scienca) signifo.

## Miskomprenataj terminoj

La plej ofte miskomprenata vorto, verŝajne, estas "ekologio". Por absoluta plimulto de homoj tiu termino rekte signifas "naturprotekt(ad)o", dum "ekologia kampanjo" signifas nur agadon de la organizoj similaj al *Greenpeace*. Tio estas, tamen, tute malĝusta. La vorto "ekologio" aperis multe pli frue, ol ajna naturprotekta ideo, kaj dum pli ol cent jaroj (ĝis la apero de "ekologia movado", poste transformiĝinta al "verda movado") ĝi signifis nur sciencon, kiu konsekvence prustudis loĝpreferojn kaj loĝkondiĉojn de diversaj animalaj kaj plantaj specioj; samtempe tiu scienco disbranĉiĝis al la tiel nomata "populacia ekologio" (kiu studis la loĝareojn de diversaj bestogrupoj) kaj "individua ekologio" (reduktanta la esplor-terenon al unuopa besto). Naturprotektado neniam estis parto de ekologio – ĝi pli proksimis al la tiel nomataj "mediaj sciencoj", kies ĉefaj reprezentantoj estas meteologio, klimatologio kaj geologio.

Estas facile konvinkiĝi, ke la "publika opinio" ofte havas misan imagon ankaŭ pri la terminoj "tutgloba plivarmiĝo" kaj "ozonaj truoj". Kiel indikas la pridemandado de *David Suzuki Foundation* pli ol duono de la pridemanditoj false atribuas la tutgloban plivarmiĝon al ozonaj truoj aŭ eĉ entute konsideras tiujn nociojn esti samaj. Kvankam la ozonaj truoj povas malrekte kontribueti al plivarmiĝo, la ĉefa malbona efiko de la ozona elĉerpiĝo estas tio, ke la Tera atmosfero iĝas pli diafana (pli facile penetrebla) por danĝera suna radiado, kio povas kauzi sanajn kaj agrikulturajn problemojn.

En la vero tutgloba plivarmiĝo estas kaŭzata de ĉiam pligrandiĝanta produktado kaj emisio de la tiel nomataj "forcejaj gasoj". Denove multaj opinias, ke la sola "kulpulo" estas nur karbondioksido, kvankam tiu gaso estas nur unu el pluraj gasoj, kaj, laŭ sciencaj esploroj, ties kontribuo al la forceja efiko estas nur 9-20% (do, ĉ. unu kvinono). Grava argumento por tio, ke karbondioksido verŝajne ne estas la ĉefa kulpulo en tiu procezo estas la fakto, ke en la terhistorio estis kelkaj periodoj, kiam la kvanto de karbondioksido estis multe pli granda, ol ĝi estas nun. Ekzemple, komence de ordovicio, en kiu okazis vica glaciperiodo (do, ankaŭ la tutgloba "malvarmiĝo"), karbondioksido konsistigis 4400‰ de la Tera atmosfero dum nun ĝia kvanto estas nur 380‰.

## Politikaj aspektoj de naturprotektado

Naturprotekto en la moderna mondo estas intime ligita al grandaj mon-enspezoj – kaj pro la monsubvencioj, kiujn ricevas la naturprotektaj organizoj por sia agado, kaj pro granda kaŝmono, kiu venas de lobiantoj de certaj "naturprotektaj vidpunktoj".

La plej fama naturprotekta organizo *Greenpeace* multe batalis kaj batalas por havi la statuson de la tiel nomata "senprofita organizo laŭ la paragrafo 501c3 de Usona impostoleĝo". Tiu statuso donas al diversaj organizoj la eblon redukti siajn impostojn, se ili donacas monon al *Greenpeace*. La nepra kondiĉo por tiu statuso estas la plena diafaneco de ĉiuj en- kaj elspezoj por publiko. Kiel raportis kelkaj servoj, inter kiuj la fama Usona organizo "Observado de publika intereso" (*"Public Interest Watch"* – la organizo, kiu kontrolas la (mis)uzadon de la diversaj filantropaj fondusoj), *Greenpeace* ofte uzas la subvenciojn por aliaj celoj, ol edukado kaj naturprotektado – ekzemple por pagi por siaj advokatoj aŭ por reklamo. Pro tiuj faktoj en kelkaj landoj (ekzemple, en Kanado) la statuso de *Greenpeace* kiel senprofita organizo estis forprenita.

Alia politika kaj ekonomia aspekto de naturprotektado estas tio, ke certaj landoj devas pagi multe pli por la sama nivelo de naturprotektado, ol la aliaj. Por ilustri tiun punkton ni esploru la faman Kiotan Protokolon.

Kiota Protokolo estas dokumento, preparita de UN kunlabore kun kelkaj naturprotektaj organizoj, kiu reguligas la reduktadon de $CO_2$-emisio. Laŭ tiu dokumento la landoj, kiuj ratifikas la protokolon, devigas sin ĝis la jaroj 2008-2012 redukti siajn emisiojn ĝis la nivelo je 10% malpli granda, ol la emisi-nivelo en tiuj landoj en 1990. La landoj, kiuj ne sukcesas plenumi la promeson, devas pagi por ĉiu tuno da emisiita $CO_2$. Laŭ la nuna stato pli ol 160 landoj subskribis (kaj parte ratifikis) la Kiotan Protokolon, kio koncernas ĉ. 60% de la tuta produktata karbondioksido. Malgraŭ tiu granda publika sukceso, laŭte primaĉata en multaj amaskomunikiloj kaj menciata de multaj politikistoj kiel granda poli-

tika sukceso, la vero estas multe pli seniluziiga.

Plej unue, reduktado de la $CO_2$-emisio laŭ la Kiota Protokolo koncernas ĉefe la evoluintajn landojn. En la listo de "danĝeraj landoj" estas nek Ĉinio (kiu jare produktas 870 milionojn da tunoj de $CO_2$, kio konsistigas 14% de la tutmonda kvanto) nek Hindio (700 milionoj da tunoj, 11%) – do ili subskribis kaj ratifikis la protokolon sen ajnaj sindevigoj. Pliaj du grandaj landoj, Usono (1600 milionoj da tunoj, 26%) kaj Aŭstralio (400 milionoj da tunoj, 6%) subskribis la protokolon, sed ne ratifikis ĝin. Do, entute la landoj, kiuj emisias 57% de la tuta karbondioksido, aŭ ne devigis sin redukti tiujn emisiojn malgraŭ la subskribo, aŭ ne devas fari tion laŭ la nuna stato de la Kiota Protokolo. El tiu kalkulo klare sekvas, ke la penoj de la tuta resta mondo, kiu kulpas pri nur 43% de la emisioj, apenaŭ havos deziratan efikon por naturprotektado.

Alia kialo por malentuziasmo pri la Kiota Protokolo radikas en la fakto, ke la ekonomia damaĝo, kaŭzata de reduktado de $CO_2$-emisio, en certaj landoj estas multe pli granda, ol la punmono, kiun tiuj landoj devus pagi laŭ la Kiota Protokolo. Tio pleje koncernas la landojn kun grandaj ferindustriaj kompleksoj, kie oni devas forbruligi multe da karbo – ekzemple Usono kaj Rusio. Por tiuj landoj estas pli facile pagi la punmonon, ol efektive plenumi la kondiĉojn de la Kiota Protokolo. Tio estas unu el la multaj lokoj, kie la ekonomiaj kriterioj superas tiujn de naturprotektado.




### Mankanta konsento pri tutgloba plivarmiĝo

Unu el la plej ŝatataj pretekstoj por pligrandigi la monon, kiun oni elspezas por naturprotektado, estas la tutgloba plivarmiĝo, kiu, kiel oni asertas, estas la plej facile observebla negativa sekvo de la tutmonda medi-malpurigo.

Tamen, malgraŭ tio, ke la plivarmiĝo estas evidenta, inter klimatologoj ĝis nun mankas la unuvoĉa konsento pri la kialoj de tiu fenomeno. Inter multaj sciencaj publikaĵoj, kiuj pruvas la ligon inter emisio de la forcejaj gasoj kaj plivarmiĝo, troviĝas kelkaj, kiuj ne sukcesas eltrovi tiun korelacion. La granda politika envolviĝo en tiun demandon ege malhelpas la senpartian kaj objektivan esploron.

Du fortaj flankoj, kiuj staras malantaŭ la socia engaĝiĝo en tiu problemo, estas la grandaj naftaj kompanioj (kiuj grandamase vendas karbonenhavan fuelon kaj naftoproduktojn) kaj diversaj politikaj partioj (kiuj penas bridi tiujn nafto-kompaniojn pere de ekonomiaj kaj politikaj reformoj, realigataj sub la standardo de naturprotektado). Laŭ la anonima pridemandado de sciencistoj, aranĝita de *US House Oversight* (inspekta komitato de la Usona parlamento), almenaŭ duono de klimatologoj spertis la premon de sia registaro, scienca mon-fonduso aŭ sia senpera superulo kun la celo kaŝi aŭ manipuli la sciencajn datumojn. Pri tio trafe diris Reid Bryson, sciencisto, esploranta la Teran atmosferon: "Al tio estas ligitaj grandegaj monsumoj... Se oni volas esti eminenta sciencisto, oni devas havi multe da studantoj kaj multe da monsubtenoj. Oni ne povas ricevi monsubtenon, se oni ne proklamas *Ho, tutgloba plivarmiĝo, jes, jes, karbona dioksido!*".

Konklude restas nur konstati, ke malgraŭ la nobleco kaj prudenteco de la naturprotekta agado, ties efektivigo foje estas nur politika spektaklo kun veraj kialoj tute neligitaj al la deklaritaj celoj.

# Vegetarismo helpos al la mondo!



Francesco Maurelli, Italio

Kiamaniere vi povas helpi la medion kaj fari la mondon pli ekologia? Ne manĝu viandon – kaj multaj problemoj estos solvitaj! Tio povas ŝajni iom stranga, tamen tio veras, kaj tion pruvas multaj faktoj. Mi ne pritraktos ĉi tie la kruelecon kontraŭ la bestoj aŭ la negativan influon de viando-manĝado al la homa korpo, kiuj same estas gravaj temoj. Mi parolos nur pri la bonaj efikoj de vegetarismo al la tutplaneda ekologio.

Profesoro Peter Cheeke el Oregona universitato skribis en "The Environmental Magazine" (kiu estas elstara usona ekologia publikaĵo), ke viand-produktado kaj intensiva bredado estas "fronta atako kontraŭ la medio". La energio, bezonata por produkti viandon estas ege pli granda kompare al la energio, bezonata por kreskigi legomojn. En la mondo, en kiu subnutrado estas ĉiam pli grava kaj aktuala problemo, en kiu akvo estas ĉiam pli valora rimedo, ĉu vere ni povas toleri tiom da malŝparado?

La situacio pri akvo estas ege grava kaj maltrankviliga por la planedo. Se vi iam planis helpi al la mondo ĉi-rilate per rezigno pri duŝo, pripensu ankaŭ, ke rifuzante duonkilogramon da bovoviando vi ŝparas pli da akvo, ol se vi ne duŝus vin dum tuta jaro (laŭ la libro de John Robbins "The Food Revolution" – "La manĝaĵ-revolucio")! Kaj viaj najbaroj eĉ dankos vin – ja ili ne bezonas forfuĝi pro la malbona odoro...

Laŭ la spertuloj de la Internacia Centro pri Ekologio de Nutrado (NEIC, ĝi estas scienca interfaka komitato, studanta la influon de produktato kaj konsumado de manĝaĵoj al la ĉirkaŭa medio) la bestoj transformas la vegetajn proteinojn en la animalajn proteinojn kun ege malgranda rendimento. Ekzemple, por produkti unu kilogramon da bovoviando oni bezonas dek kvin kilogramojn da legomoj (cerealoj, fabacoj kaj sojo). Ĉu tiuj 15 kilogramoj da legomoj multobligitaj per la kvanto de viando, kiu estas manĝata ĉiutage ne helpus solvi la problemon de malsato en la monda skalo?

Iĝi vegetarano estas pli facile ol oni opinias, kaj, se vi tion provos, vi ne nur plibonigos vian sanstaton kaj ne nur ricevos dankojn de la ĉiutage mortigataj bestoj, vi ankaŭ helpos la medion kaj kontribuos al pli ekologia mondo!

# La Azova Maro:
## kelkaj skizoj al la ekologia portreto

VIKIPEDIO

Konstantin Demjanenko, Ukrainio

**Ĉu vi scias, ke la Azova Maro enhavas 72-oble malpli da akvo, ol la dolĉakva lago Bajkalo?! Ĉu vi scias, ke la maksimuma profundo de tiu ĉi maro estas nur 14 metroj? Vi eble demandos: "Ĉu tio vere estas maro?!" Jes, certe! Kaj ĝuste tiu malprofundeco faris ebla la grandegan bioproduktivecon de la Azova Maro. Ĝia akvo somere estas varmigata de suno ĝis +28-30 celsiaj gradoj, kaj ĝi estas unu el la plej ŝatataj ripozlokoj ne nur por multaj ukrainianoj kaj rusianoj, sed ankaŭ por la eksterlandaj gastoj.**

Ekzistas scienca vidpunkto (kaj tiu vidpunkto estas tre populara), ke la Azova Maro estas nur golfo de la Nigra Maro. Tiujn ĉi marojn kunligas la mallarĝa Kerĉa markolo, kiun ĉiutage kvazaŭ pordegon trairas ege multaj ŝipoj. Tio faras komprenebla la fakton, ke ĉi tie la maro sentas grandegan influon de la homa agado. Krome, pere de la Kerĉa markolo al la Azova Maro el la Nigra konstante trafas pli sala akvo kaj la karakterizaj reprezentantoj de la nigramara faŭno (fiŝoj kaj moluskoj). Tamen la akvo de la Azova Maro denove iĝas pli dolĉa pro la riveroj, kiuj alfluas ĝin, precipe Dono (la plej granda) kaj Kubano. Se Kubano ne estas sufiĉe granda por ŝip-navigado, Dono male estas tre vigla ŝipa arterio. Krome, ĝuste la Dona akvofluo kreas unikan ekologian zonon, kiu estas la Taganroga golfo. Malgraŭ tio, ke la Taganroga golfo estas parto de la maro, ĝi havas preskaŭ dolĉan akvon, en kiu reproduktiĝas multaj azov-maraj fiŝoj.

Antaŭ kelkaj jardekoj la Azova Maro spertis grandegan misinfluon pro la konstruado de kelkaj akvobaraĵoj sur Dono kaj Kubano. Antaŭ la "periodo de akvobaraĵoj" la saleco de la maro egalis al 6-9‰, tamen ĝi baldaŭ kreskis ĝis 12-13‰. Ĉu necesas diri, kiom influis la maran medion tiu pligrandiĝo? La evoluo de la mara ekosistemo tute ŝanĝiĝis. Pli favorajn kondiĉojn ricevis la tipaj maraj loĝantoj (iuj nigramaraj moluskoj, iuj fiŝoj – mugiloj, pleŭronektoj, ktp.). Samtempe tre malboniĝis la reproduktiĝkondiĉoj por tiuj fiŝoj, kiuj alkutimiĝis al pli dolĉa akvo (sandro, bramo ka.). Kaj kio nun? Nun la situacio estas io meza inter la tipaj "periodo de akvobaraĵoj" kaj "periodo antaŭ akvobaraĵoj". Dank' al naturaj kondiĉoj la riveraj akvofluoj dum la lastaj jaroj estas sufiĉaj por subteni la maran salecon sur la nivelo de 10-11‰. De unu flanko tio ne signifas la revenon al la kondiĉoj de la unua duono de la 20a jarcento, sed de la alia flanko – tio ebligas al la pli dolĉakvaj fiŝoj pli-mapli sukcese reproduktiĝi en la nunaj kondiĉoj.

Unu el la plej seriozaj problemoj por la ekologio de la Azova Maro estas la granda industria centro – urbo Mariupolo, kiu situas sur la nord-orienta bordo de la maro. Klaras, ke la Taganroga golfo kaj la apuda mar-parto estas la plej malbonaj de la ekologia vidpunkto. Ĉi tie la maron trafas industriaj kaj agrikulturaj defluaĵoj; ankaŭ la aktiva marhavena agado negative influas la vivajn organismojn. Tamen, la nuna periodo por la maro estas iom pli favora, ol la eks-Sovetunia tempo. Kial? Ĉar post la kolapso de Sovetunio la industrio travivas ne la plej bonajn tempojn: grandaj entreprenoj kaj uzinoj ne laboras same aktive, kaj la malpuraĵoj, kiuj trafas la maron, ne estas same multaj.

Kaj se ni rigardos al la okcidenta parto de la Azova Maro, ni trovos la plej puran akvon. Ĉi tie ne estas grandaj urboj kaj gravaj industriaj entreprenoj, ĉi tie oni ne okupiĝas pri intensa agrikulturo – do, la maro ne tiel suferas pro la homa agado. Kiam oni demandas min, kie la ripozado ĉe la Azova Maro estas pli bona, mi certe konsilas: "Veturu al la okcidentaj bordoj, kie vi nepre trovos vivan naturon kaj puran akvon."

En la biografio de la Azova Maro estas unu interesa epizodo. En la 80aj jaroj de la 20a jarcento oni komencis konstrui grandan atom-centralon sur la suda bordo de la maro (apud la urbo Ŝĉolkino, kiu estis speciale kreita kiel "laborista urbo"). Sed... la konstruado ne estis finita pro la aktiva kontraŭstaro flanke de krimeaj loĝantoj. Ili kontraŭis la konstruadon, ĉar Krimeo estas fama kuracregiono dum la Azova Maro estas unika mara akvujo – por ili ambaŭ la atomcentralo povus estis ege malutila. Tiu historio estas bona ekzemplo de sukcesa defendado de la naturo, bona ekzemplo de tio, ke la ekologiaj interesoj foje povas superi la ekonomiajn.

Kio okazas en la Azova Maro dum la lastaj jaroj? Bonaj novaĵoj: ege kreskas la kvanto de azovaj gobioj – negrandaj, sed tre valoraj fiŝoj. En la Azova Maro ili estas prezentitaj de preskaŭ 20 specioj, kelkaj el kiuj ĉiam havis grandegan signifon por la ĉemara loĝantaro. Maltrankviligaj informoj: ekde la 90aj jaroj kelkoble malgrandiĝis la kvanto de azovaj sturgoj. Laŭ la opinio de sciencistoj tio okazis pro kresko de kontraŭleĝa fiŝkaptado dum la jaroj de ekonomia krizo en Ukrainio kaj Rusio. Nun ambaŭ landoj jam donas grandegan atenton al la gardado de azovaj sturgoj. Ambaŭ ŝtatoj aliĝis al la internacia konvencio CITES, kies ĉefa tasko estas savi la flaŭrajn kaj faŭnajn speciojn, kiuj riskas malaperi. Sed la tempo estas jam perdita, kaj pli ol unu jardeko devos pasi por ke la sturgaj populacioj denove estu same grandaj, kiel 10-20 jarojn antaŭe.

Multegaj ukrainiaj kaj eksterlandaj sciencistoj certigas, ke la Azova Maro havas bonegajn perspektivojn kiel riĉa fiŝ-breda akvujo kaj kuracregiono. La homo devas nur saĝe uzi tiun riĉaĵon, kiun la naturo donis al li…



VIKIPEDIO

# Ni, la plastaĵoj kaj la akvo

Manfred Westermayer, Germanio

**Antaŭ kelkaj jaroj post drono de kontener-ŝipo el unu el la konteneroj elnaĝis amaso da plastaj anasoj, kiuj nun vagadas tra la mondo laŭ ventoj kaj maro-fluoj. Sciencistoj kolektadas ilin por esplori, kio okazis survoje.**

## Plastaĵoj amasiĝas en la naturo

Sed ne nur tiuj anasoj flosas sur la akvo: multege da plastaĵoj flosas en la maroj, lagoj kaj riveroj de la planedo. En kelkaj regionoj oni rekolektas tian materialon, tamen plej ofte oni simple forĵetas plastaĵojn ĉe vojrandoj, malantaŭ la domoj aŭ ĵetas ilin en la riverojn, kvazaŭ ŝelon de pomo aŭ banano. La problemo estas, ke la plastaj aĵoj ne povas recikliĝi nature, ili restas en la medio preskaŭ eterne. La esploroj por krei pli natur-amikajn plastaĵojn jam havas certajn suksesojn, sed ĝis nun ili ne abundas.

## La tuj videblaj rezultoj de la plastaĵ-akumuliĝo

Se oni pensas, ke la kvanto de tiaj "forĵetitaj" plastaĵoj ne estas tre granda (en la monda skalo), oni eraras. Pro la plimalpli stabilaj ventoj kaj marfluoj la "vojaĝantaj" plastaĵoj ofte "emas" akumuliĝi en certaj lokoj, kie ilia kvanto povas esti vere timiga. Tian "plastokampon" foje trovis usonano Charles Moore dum velado inter Havajo kaj Kalifornio – la surfaca tavolo de la oceano estis dense kovrita de plasta rubo. Li sentis, ke tio estas ne loka, sed ĝenerala, tutmonda afero kaj fondis la esplorinstituton *Algalita*. Tie oni esploras la efikon de artefaritaj materialoj al la vivantaro.

La plastaĵoj grave malbonigas la vivokvaliton kaj sanon al multaj bestoj. La afero estas, ke malgrandaj plastaĵoj ofte similas al planktono (kiu estas nutraĵo por multaj bestoj, ekz., por balenoj); ankaŭ la pli grandaj pecoj ofte similas al predo, kiun grandaj fiŝoj aŭ birdoj povas kapti kaj manĝi. Ne malofte tiuj plastaĵoj estas la morto-kaŭzo, kiel, ekz., okazis al la albatroso, prezentita sur la foto. La birdo multfoje kaptis plastajn pecojn (supozante, ke ili estas kraboj aŭ iu simila nutraĵo), ĝis ĝia stomako estis tiel pezigita, ke la albatroso ne plu povis flugi kaj ĉasi – kaj sekve de tio mortis pro malsato.

## La ne-tuj-videblaj rezultoj de la plastaĵ-akumuliĝo

Ne nur "grandaj" plastaĵoj damaĝas la naturon. La problemo estas, ke la modernaj plastaĵoj enhavas multajn diversajn kemiaĵojn, malutilajn por la sano de plantoj, bestoj kaj eĉ homo. Tiuj substancoj iom post iom "transiras" al la akvo kaj – pro ĝia eterna cirkulado – disvastiĝas en la plej foraj regionoj de la planedo. La relativa kvanto de tiuj substancoj eble ne estas tre granda. Tamen oni konsideru, ke ni uzas la akvon en ege granda kvanto: ne nur por trinki, sed ankaŭ por kreskigi plantojn, por purigo ktp. Krome, gravas la fakto, ke tiuj kemiaĵoj emas akumuliĝi en la viva materio (ĉefe en la grasĉeloj). Do, ju pli alte oni troviĝas en la nutro-piramido, des pli grandan kvanton de la kemiaĵoj oni konsumas. Ne nur viando-manĝantoj suferas – ja ankaŭ vegetaranoj manĝas oleon el plantoj, kiuj verŝajne enhavas la malutilajn kemiaĵojn el la pluv-akvo.

La ĉefaj substancoj, enmetataj en la plastaĵojn, estas moligenzoj (kiuj faras la plastaĵon pli mola), flamiĝ-reduktenzoj (kiuj malgrandigas la probablecon de tio, ke la plastaĵo ekbrulos) kaj surfacaĵoj (kiuj plibonigas la kvaliton de la surfacoj). Ĉiuj ili estas malutilaj por la sano, ĉar posedas la kancero-estigajn kvalitojn aŭ malbonigas la funkciadon de la hormonaj sistemoj de la organismo.

## Kion fari?

Por helpi al la naturo, oni, kompreneble, devas preferi naturajn materialojn (naturajn ŝtofojn, lignon, paperon ktp) sed ne la plastaĵojn. La plastaĵojn, kiujn oni ja uzas, oni kolektu por la recikligo kaj neniuokaze forĵetu. Vi povas multe malgrandigi la probablecon de veneniĝo kaj sendanĝerigi vin, se vi preferados freŝajn produktojn (ne antaŭkuiritajn kaj enskatoligitajn). Por viaj infanoj aĉetu prefere lignajn aŭ natur-ŝtofajn ludilojn, sed ne la novtipajn plastajn. Kiel konstru-materialo preferindas la natur-produktoj, sed ne PVK (poli-vinil-klorido, kiu ĉe forbrulo produktas multe da venenaj gasoj).


VIKIPEDIO

## Interretaj ligoj:

www.algalita.org – usona organizaĵo, kiu esploras la ekologion de la maroj, aparte la influon de la plastaĵoj

www.wwf.org – Tutmonda Fonduso por Naturo

www.rivernet.org – riveroj de la tuta mondo


VIKIPEDIO


WWW.ALGALITA.ORG

Granda birdo = rubujo?!



# Krimeo kaj trolebuso – ĉu bona paro?

Paŭlo Moĵajev, Ukrainio

**Verŝajne, multaj legantoj de *Kontakto* scias pri la duoninsulo Krimeo (ĝi troviĝas sude de Ukrainio, ĉe la Nigra Maro); kelkaj eble eĉ sukcesis viziti ĝin. Sed ĉu vi scias, ke en Krimeo troviĝas unu mirinda teknikaĵo, eble meritanta la eniron en la Guiness-libron? Temas pri la interurba trolebusa linio Simferopolo-Jalto, kiun oni opinias la plej longa interurba trolebusa linio en la mondo!**




## Iom pri trolebuso

La vorto "trolebuso" estas, fakte, kunmeto de la vortoj "buso" kaj "troleo". La vorto "troleo" (venanta el la angla vorto *trolley*, kiu, siavice venas de la verbo *troll*, kiu signifas "turni", "ruli") estas uzata por nomi la mekanismon, kiu moviĝante (ĉu glite, ĉu turne) laŭ la drato povas "preni" de ĝi la elektron. La principa diferenco inter trolebuso kaj tramo – alia urba transportilo, movata de elektro – estas la fakto, ke trolebuso ne bezonas relojn, ĉar havas la ĉasion kaj karoserion preskaŭ idendan kun tiuj de aŭtobusoj. Do, stirata trolebuso povas moviĝi relative libere – gravas nur plu teni la kontakton inter la trolehavaj stangoj kaj la elektrodonaj dratoj.

La historio de trolebuso komenciĝis en 1882, kiam germana inĝeniero E. W. von Siemens funkciigis la unuan eksperimentan trolebuson en antaŭurbo de Berlino. Dum kelkaj jaroj la uzado de trolebusoj estis sporada kaj, fakte, nur eksperimenta. La unua pasaĝera trolebusa linio estis lanĉita nur en 1901 – tio okazis en Bielathal (apud Dresdeno, Germanio). De post tiu tempo la trolebusaj retoj aperis en multaj landoj de la mondo, iom forpuŝinte la tramojn, kiuj aperis iom pli frue. La konstruado de la trolebusaj retoj estis aparte aktiva en eksa Sovetunio. Nuntempe plej multaj urboj kun trolebusa trafiko troviĝas en Rusio.

Kompare al siaj parencoj – tramoj kaj busoj – trolebuso havas kelkajn gravajn avantaĝojn. Ĝi estas pli ekologia, ol busoj, kaj samtempe pli "lerta", ol tramo: trolebuso ne bezonas relojn, povas sufiĉe facile manovri inter aliaj aŭtoj kaj pli facile superas diversajn altaĵojn (pro tio, ke la frot-kuniĝo inter la gumaj bendoj kaj asfalto estas pli granda, ol inter la ŝtalaj reloj kaj radoj). Krome, trolebuso produktas signife malpli da bruo, ol ĉiuj aliaj urbaj transportiloj, pro kio ĝi estas aparte bona por urboj. Kompreneble, ankaŭ malavantaĝoj ne mankas – trolebuso estas tamen ligita al la elektraj dratoj kaj ege dependas de la senproblema funkciado de elektrocentraloj. La modernaj trolebusoj tamen havas grandkapacitajn akumulilojn, dank' al kiuj ili povas dum iom da tempo esti tute aŭtonomaj okaze de iuj problemoj pri elektro.

Resumante, oni do povas konstati, ke trolebuso estas relative bona solvo por la urba trafiko kaj de la teknologia, kaj de la ekologia vidpunktoj.

## Iom pri Krimeo

Krimeo estas duoninsulo en la norda parto de la Nigra Maro. Nuntempe ĝi apartenas al Ukrainio, sed dum sia historio ĝi vidis plej diversajn etnojn – skitojn, helenojn, romianojn, gotojn, sarmatojn, slavojn, italojn, kipĉakojn kaj multajn aliajn. Ankaŭ nun ĝi restas tre multnacia regiono – kompreneble, tiel interesa historio postlasis multe da neordinaraj vidindaĵoj.

Ne nur la historio, sed ankaŭ la naturo de Krimeo estas alloga. Malgraŭ tio, ke la duoninsulo estas ne tre granda (ĝiaj proksimumaj dimensioj estas 200x320 kilometroj), en ĝi estas mirinde interplektitaj tute diversaj naturaj zonoj. La pli granda norda parto de la duoninsulo estas okupita de stepoj. Pli sude troviĝas la Krimea Montaro (ĝia plej alta pinto atingas 1545 metrojn), kovrita de aromaj arbaroj kaj herbejoj, riĉa je pitoreskaj rokoj, profundaj intermontejoj kaj misteraj kavernoj. En la plej suda parto de la duoninsulo – sur la mallarĝa ter-strio inter la montoj kaj la maro – troviĝas la plej varma regiono kun subtropika klimato kaj kun la naturo, tute ne simila al la transmontara. Kaj ĉion ĉi ĉirkaŭas la Nigra Maro, kiun unu poeto foje nomis "la plej blua en la mondo".

Tute ne hazarde Krimeo estas populara ripoza kaj kuraca loko. Ĝiaj urboj, aparte – la fama kuracloko Jalto, situanta sur la suda bordo, estas ĉiusomere amase vizitataj de multaj gastoj, inter ili – ankaŭ alilandaj.

## Trolebusa linio – la esperoj...

Estas nenio stranga, ke post la Dua mondmilito komenciĝis plej aktiva kaj rapida renovigo de la ripoza kaj kuraca industrio en ĉiuj urboj de Krimeo. Oni konstruis novajn vojojn, novajn ripozejojn, kaj atendis – tute prave, kiel poste montris la historio – grandan alfluon de vizitantoj. Bedaŭrinde, pro la reliefaj kondiĉoj estis preskaŭ neeble konstrui fervojan linion inter Simferopolo (la ĉefa urbo de Krimeo) kaj la suda bordo. Tial por preveni la poluadon de la mirinda krimea naturo pro aktiva busa trafiko oni akceptis la decidon pri konstruado de interurba trolebusa linio, kiu devis ligi Simferopolon kun du urboj de la suda bordo – Aluŝto kaj Jalto.



La konstruado estis plenumita mirinde rapide. En la jaro 1959 oni lanĉis la unuan parton de la linio (inter Simferopolo kaj Aluŝto), la dua parto estis finkonstruita en 1961. La plej alta punkto de la linio troviĝas 752 metrojn super la marnivelo. La linio konektis tri urbajn trolebusajn sistemojn kaj atingis la longon de 86 kilometroj. Krom la trolebusajn parkejojn oni konstruis 16 elektrajn subcentralojn, starigis pli ol 3 mil drat-mastojn, kaj pendigis pli ol 200 kilometrojn da elektro-dratoj.

Por tiu tempo interurba trolebusa trafiko estis preskaŭ revolucia. Tiutempaj busoj estis malpli komfortaj kaj rapidaj, ol nun, do la preskaŭ 3-horojn longa vojaĝo en trolebuso tute ne estis malfacila. Aldone, tra la fenestroj de la trolebuso oni povis bonege pririgardi la naturajn vidindaĵojn (en la komencaj jaroj la konduktoroj eĉ laboris kiel ekskursgvidantoj dum la veturado).

En la 70-80aj jaroj de la 20a jarcento la trolebusa linio travivis sian plej bonan tempon. Somere dum dek minutoj nemalofte startis kvar-kvin trolebusoj! Oni povis anticipe aĉeti bileton por la krimea trolebuso en kelkaj grandaj urboj de Sovetio, eĉ tiel foraj, kiel Leningrado (nun Sankt-Peterburgo) kaj Rigo. Dank' al la teknikaj modernigoj oni mallongigis la vetur-daŭron de Simferopolo al Jalto ĝis 2,5 horoj. La trolebusa linio bonege plenumis sian transportan funkcion, kontribuis al konservado de la naturo kaj eĉ iĝis unu el la allogaĵoj de Krimeo.

## ... kaj problemoj

Bedaŭrinde, pro la kolapso de Sovetio kaj ĝenerala malboniĝo de la enlanda ekonomio en la 90aj jaroj la trolebusa linio spertis stagnadon kaj eĉ malprogreson. Malboniĝis aŭ eĉ tute ruiniĝis la rilatoj kun la eksterlandaj produktantoj de la necesaj ekipaĵoj (preskaŭ ĉiuj krimeaj trolebusoj estis produktitaj en Ĉeĥio), signife malgrandiĝis la ŝtata subteno. En la tempo de ekonomiaj reformoj la ekologiaj demandoj iĝis malpli gravaj, ol rapida profito. Krome, multaj el la modernaj homoj preferas rapidecon kontraŭ ajna prezo. Rezulte anstataŭ subteni la unikan trolebusan linion oni aktivege ekuzis la busojn – dum la lastaj 10-15 jaroj la busa trafiko sur la vojo Simferopolo-Jalto iĝis kelkoble pli intensa, dum la trolebusa trafiko dum kelkaj jaroj nur vegetis. Multaj opinias la trolebusan linion eksmoda aŭ eĉ malutila – onidire, la relative grandaj kaj malrapidaj trolebusoj malhelpas la rapidan veturadon de aliaj aŭtoj. Tamen, se oni kontrolos la statistikon kaj ekscios, kiel oftas aŭto-akcidentoj (ĉefe inter personaŭtoj kaj busetoj) sur la ŝoseo, oni vole-nevole preferos trolebuson kiel malrapidan, sed pli sekuran transportilon.

Lastatempe tamen aperas la signoj de ioma vigliĝo. La trolebusa linio estas aparte bezonata somere, kiam eĉ intensega busa trafiko ne povas transporti ĉiujn vizitantojn de Krimeo – tiam la trolebusoj plenplenaj je pasaĝeroj estas tute kutima bildo. Dum vintro la trolebusoj malpleniĝas, sed daŭre estas uzataj de ŝparemuloj (la kosto de la trolebusa veturo estas preskaŭ duoble malpli granda, ol tiu de la busa) kaj ŝatantoj de ekologio (ankaŭ tiuj ne malmultas!). Do la trolebusa linio certe vivos, sed ĉu ĝi estos subtenata kaj aprezata – tio jam dependas de multaj faktoroj. Ne laste tio dependos de la ekologia konscio kaj informiteco de la loĝantoj kaj gastoj de Krimeo.

Se vi iam venos en Simferopolon, mi rekomendas al vi nepre veturi en Jalton per trolebuso. La vojaĝo estos iom pli longa, ol la perbusa, tamen vi povos plezure pasigi tiun tempon rigardante la belaĵojn de la krimea naturo – grandaj fenestroj de trolebuso ebligos tion! Kaj krome, vi ĝuos la senton, ke vi almenaŭ iom helpis al Krimeo resti pura kaj bela!

**Foto 1:** La monto Ĉatirdago (1527 metrojn alta), vidata de sur la vojo Simferopolo-Jalto. **Foto 2:** La unua trolebuso de la jaro 1882. **Foto 3:** Tipa trolebuso, veturanta inter Jalto kaj Simferopolo. **Foto 4:** La monto Ĉatirdago, vidata de sube. Bone videblas la trolebusaj dratoj.

Fotoj de la aŭtoro.



# Adoptu la arbon! Savu la naturon!



VIKIPEDIO

Rospuda, apud la vilaĝo Kotowina

Gabriela Kosiarska, Pollando

**En Pollando la ekologiaj temoj, verŝajne, same kiel en la aliaj landoj, nur porokaze gastas sur la unuaj paĝoj de ĵurnaloj kaj revuoj. Ili preskaŭ neniam aperas kiel la unua informo en la radiaj kaj televidaj novaĵbultenoj. Bedaŭrinde, kiam pri iu ekologia temo subite ekparolas ĉiuj, tio plej ofte signifas nenion bonan por la naturmedio. Ĝuste tiel okazis antaŭnelonge lige al la vaste traktita en Pollando kaj en Eŭropo afero de la Valo de Rospuda-rivero. Temas pri la unika protektenda regiono de Pollando, tra kiu oni intencas konduki fadenon de la rapidtrafika aŭtovojo. Tiu ĉi okazo ne nur laŭte eĥis en Pollando dum la komunumaj kaj parlamentaj balotoj, sed ankaŭ trafis la Eŭropan Justic-Tribunalon, kie la Eŭropa Komisiono akuzis Pollandon pri la agadoj, kiuj damaĝas la naturon.**

## Pri kio temas?

La valo de la rivero Rospuda troviĝas en la nord-orienta parto de Pollando, en la regiono de la urbo Augustów. Por iom komprenigi, pri kio temas, eblas aldoni, ke tiu urbo troviĝas relative proksime al Bjelostoko – la naskiĝurbo de Zamenhof (kaj, cetere, la kongresurbo 2009). Tiu ĉi regiono, foje nomata "la verdaj pulmoj de Pollando", estas unika rezervejo de la naturaj trezoroj kaj samtempe – popularа turisma vidindaĵo. Bedaŭrinde, la regiono laŭ la ekonomia vidpunkto ne apartenas al plej evoluintaj, ĝi ankaŭ ne disponas pri bona aŭtovoja infrastrukturo. Mankas tie la ĉirkaŭvojoj, do, ekzemple, la urbo Augustów suferas pro amasa kaj teda transita trafiko – ĝin konstante traveturas la transportaj kamionoj, kiuj celas la orientajn najbarojn de Pollando. Ili ne nur kreas grandegan bruon, sed ankaŭ endanĝerigas la vivon de la urbologantoj, inkluzive ankaŭ la plej junajn.

La planoj konstrui la ĉirkaŭvojon ĉirkaŭ Augustów, kiu iĝus parto de la eŭropa vojo Via Baltica, estis lanĉita jam en la jaro 1992. Kelkaj planoj pri ĝia itinero estis preparitaj en 1996. En la jaro 2007 oni komencis la konstruadon konforme al tiuj planoj (kiuj ja estis akceptitaj en la tempo, kiam Pollando ankoraŭ ne membris en EU). Bedaŭrinde, la konstruata vojo devos pasi tra la regionoj, protektataj kadre de la unia projekto "Naturo 2000". Tial la decido pri la ekkonstruo renkontis ardan kontraŭstaron flanke de ekologoj kaj sciencistoj, opiniantaj, ke la trafikvojo en la nun realigata formo senrevene damaĝos la unikan naturon de la Rospuda Valo.

## Kial la Valo de la rivero Rospuda unikas?

La Valo de la rivero Rospuda formiĝis dum la fru-glaĉera epoko; ĝian nunan pejzaĝon influis la tiel nomata skandinavia glaĉero, aperinta ĉi tie dum la balta glaĉer-periodo. La riverfluejon de Rospuda mem formis la subglaĉera torento, kio ĝis nun difinas ĝiajn proprecojn. En sia supra parto Rospuda havas amason da ŝtonetoj; fluante rapide kaj zigzage ĝi impresas kvazaŭ montara torento. Tamen jam trafluante Augustów-arbaregon la riverfluo alprenas tipe ebenan karakteron. Preterfluinte la paganajn sanktejojn Święte Miejsce kaj Młyńsko, kiuj estas atestantoj de pli ol miljara historio, la rivero vastiĝas, fluante tra torfejoj – kaj ĝuste ĉi tie formiĝas la fama Valo de Rospuda. Ĝi estas unu el la plej valoraj, eblas diri unikaj marĉaj kaj torfaj terenoj ne nur en Pollando, sed ankaŭ en Eŭropo, apartenante al preskaŭ ne plu renkonteblaj terenoj kun ne damaĝitaj akvaj interrilatoj. Kion tio signifas? Simpligante la aferon eblas diri, ke la tieaj torfejoj konservas la saman akvonivelon, pro kio ili ne estas kovrataj de arboj kaj arbustoj, kio estas tipa por torfejoj kaj marĉaj regionoj, en kiuj okazas aktiva homa agado.

Krome, la Valo de Rospuda estas protektata pro la fakto, ke en ĝi vivas multaj maloftaj bestoj – kastoroj, lutroj kaj vulpoj. Ankaŭ multaj unikaj plantoj kreskas ĉi tie – temas, i.a., pri 19 specioj de orkidacoj. La Valo estas la unusola loko, en kiu eblas renkonti Herminium monorchis – la planton, kiu estas listigita en la Pola Ruĝa Libro de Minacataj Specioj. Aldonendas, ke en la Valo de

Rospuda kaj proksime al ĝi nestas multaj birdoj, protektataj en Pollando, ekzemple urogalo, tetrao, kelkaj specioj de pegoj kaj agloj. Por grandaj mamuloj, ekzemple lupoj kaj cervoj, la Valo de Rospuda formas la migran koridoron al la okcidentaj regionoj de Pollando.

### Ĉu nun la situacio estas sekura?

Kiel estis jam dirite, la projekton pri konstruado de la ĉirkaŭvojo apud Augustów tra la Valo de Rospuda kontraŭis eĉ la Eŭropa Komisiono, kiu ordonis haltigi la laborojn. Kiel rilatos al tio novaj pollandaj aŭtoritatoj? En la ĵus okazintaj parlamentaj balotoj venkis la Civitana Platformo (kiu ĝis nun estis opozicia partio); dum la balot-kampanjo ĝi pledis kontraŭ la konstruo de la vojo tra la Valo. Ĉu tio garantias, ke la Valo estas sekura? Bedaŭrinde, ne, ĉar nur antaŭ kelkaj monatoj dum la komunuma balotkampanjo la Civitana Platformo havis tute alian starpunkton. Krome, la konstruon de la vojo tra la Valo de Rospuda apogas la Pola Kamparana Partio – la koaliciano de la venkinta partio.

Kia estas la opinio de poloj? Laŭ la opini-sondado de la esplor-instituto CBOS, organizita en aŭgusto, poloj 59-procente deklaras sin favoraj al tia itinero de la aŭtovojo, kiu ne damaĝus la unikan naturmedion de la Rospuda Valo.

### Adoptu la arbon!

Do, la klopodoj savi la unikan regionon daŭras! Kiel informas la organizaĵo Greenpeace, la aktualaj planoj pri la konstruado de la vojo antaŭvidas la forhakon de 20 mil arboj en la Rospuda Valo. Por eviti tion oni alvokas polojn adopti la arbon kaj tiamaniere montri, ke oni kontraŭas la naturdamaĝon. La kostoj, bezonataj por tio, tute ne estas altaj. Por savi unu arbon sufiĉas pagi 5 zlotojn – do iom pli ol 1 eŭron. Evidente, la adopto ne signifas veran aĉeton de la arbo – tio estas nur la financa subteno.

Por kio estos uzita tiu mono? Por kovri la kostojn, ligitajn al la aktivado de Greenpeace favore al la protekto de la Valo. Aldonendas, ke por publike deklari sin favora al la protekto de la Valo oni komencis porti etajn verdajn rubandojn sur la jako. Eblas rimarki ilin sur la vesto de polaj politikistoj aŭ diversaj sociaj agantoj kaj aktivistoj dum la publikaj agadoj. Ili videblas ankaŭ sur la vesto de simplaj poloj surstrate. Kaj tio atestas, ke la ekologia konscio en Pollando kreskas.



VIKIPEDIO

# Vesto el fiŝa haŭto

Alice Liu, Ĉinio

Heĝeoj estas unu el 55 negrandaj naciaj malplimultoj de Ĉinio. La prapatroj de la heĝeoj vivis ĉe la riveroj Heilong, Songhua kaj Wusuli en nord-orienta Ĉinio. Antaŭe la heĝeoj portis veston faritan el fiŝa haŭto kaj estis ĉiam kun hundoj, pro tio oni nomis ilin "fiŝhaŭta tribo" aŭ "tribo kun hundoj". En la komenco de la 20-a jarcento ili ankoraŭ vivis kiel simpla patriarka tribo, uzis simplajn laborilojn kaj nodis ŝnurojn por noti okazintaĵojn.


www.hlraohe.gov.cn

Kiam japanaj trupoj invadis Ĉinion, la heĝeoj, oroĉenoj kaj aliaj ĉinaj etnaj malplimultoj multe suferis pro la kruela regado kaj malhoma etno-eksterma politiko de la japanaj agresantoj. Pro tio la loĝantaro de la heĝeoj malkreskis al 300, kiam fondiĝis la Ĉina Popola Respubliko en 1949. Post tiam la heĝeoj havas novan vivon. Ili okupiĝas ne nur pri fiŝkaptado, sed ankaŭ pri terkulturado kaj fiŝbredado.

Fiŝkaptado karakterizas la vestojn de heĝeoj. Vestoj el fiŝhaŭto estis grava marko por la etno. Tia vesto de heĝeoj manifestas ilian kapablon utiligi naturon kaj akomodi sin al medio. Fiŝhaŭta vesto estas farita el karpo aŭ salmo. Ĝi, ĝenerale longa, estas portata ĉefe de virinoj. Simila al ĉina robo, ĝi estas tre vasta kaj la randoj estas ornamitaj per brodaĵoj aŭ kupraj sonoriletoj. Ekzistas ankaŭ fiŝhaŭtaj pantalonoj por viroj kaj virinoj. La krurumo de la vira pantalono havas nigran randon.


www.hlraohe.gov.cn

Tia vesto rezistas froston vintre kaj akvon en printempo kaj aŭtuno. Heĝeoj tanis haŭton de fiŝoj kaj kolorigis ĝin per suko de sovaĝaj floroj. Ili ankaŭ faris fadenojn el fiŝhaŭto.

De post la mezo de la 20-a jarcento la fiŝhaŭtaj objektoj estas anstataŭataj de objektoj el aliaj materialoj kaj la tradicia arto iom post iom malaperas. Nun la fiŝhaŭtaj vestoj de heĝeoj ekzistas nur kiel artaĵo. En junio 2006 la arto de fiŝhaŭta vesto de heĝeoj estis akceptita en la liston de la Monda Kultura Heredaĵo.

*Laŭ la materialoj kaj kun la permeso de www.espero.com.cn*



La kano – unu el la fontoj de ekologi-amika energio

# Daŭripova disvolviĝo: vide el Brazilo

Said Pontes de Albuquerque, Brazilo

**La nova jarmilo, heredanto de ĉiuj faritaĵoj kaj atingoj de la civilizacioj, grave markita de iliaj bonaĵoj kaj malbonaĵoj, sukcesoj kaj malsukcesoj, jam de sia komenco kuntrenas grandegan defion al la homaro: garantii la harmonian ekvilibron de la surtera vivo. Per aliaj vortoj, disponigi al ĉiuj socioj la necesajn vivrimedojn kaj samtempe garantii la naturajn vivprocesojn, finfine – la pluvivadon mem sur la planedo por la nunaj kaj estontaj generacioj. Tio nepre koncernas organizitan agadon por protekti la biodiversecon kaj por eviti gravajn minacojn kaj damaĝojn al la naturaj sistemoj konsistigantaj la biosferon.**

## Ekologiaj problemoj de la mondo

Kompreneble, la interrilatantaj kampoj kaj agadniveloj por serĉo de tiu ekvilibro estas tre multaj. Ĉiu kampo de la homa agado – la individua, la kolektiva, la socia, la scienca kaj teknologia, la institucia, la leĝnormiga, la politika, la nacia kaj internacia – donas sian specifan efikon. Gravas konsideri, kiun politikon sekvas la landoj por kune kontraŭbatali la medipoluadon, misutiligon de agrosurfaco, pliiĝon de dezertaj areoj, tutmondan varmiĝon, ktp. Nepre subtenindaj estas la politikoj favoraj al la ekologia agrikultivado kaj al la ekuzo de novaj renovigeblaj energi-fontoj.

La moderna konsumisma vivostilo profunde kaj danĝere modifas la naturan medion. Tion montras la ekologia homspuro lasata sur la planedo. Tiu koncepto, kreita de William Rees kaj Mathis Wackernagel, celas mezuri la kvanton de akvo kaj grundo biologie reprodukteblaj, necesaj por liveri al ĉiu persono sufiĉe da uzeblaj naturrimedoj kaj por recikligi la foruzitajn materialojn (rubaĵojn), produktitajn per la uzado de tiuj rimedoj. La ekologia homspuro komplekse pritaksas la pereigajn modifojn fare de la homoj en diversaj landoj kaj lokoj. Oni konstatis, ke la ekologiaj homspuroj de la homaro superas la ekologian kapablon de la Tero rekrei siajn rimedojn kaj recikligi la forĵetitajn materialojn je pli-malpli 50%. Tio signifas, ke oni bezonas 1,5 planedojn Tero por daŭre subteni niajn nuntempajn produktadon kaj konsumadon de renovigeblaj rimedoj.

## La komuna respondeco

Oni konsideras la Unuan Konferencon pri la Homa Medio de la Unuiĝintaj Nacioj en Stokholmo (1972) kiel la aper-daton de la fundamenta principo, ke ĉiuj landoj devas respondeci pri tio, ke la aktivadoj interne de ilia suverena teritorio ne kaŭzu malutilon al la medio de aliaj landoj. Tiu principo rezultigis ankaŭ la pli ampleksan koncepton, tiun pri la neceso de konstanta zorgo kaj strebo al malpliigo de la negativaj sekvoj, kiujn la homaj procedoj kaj entreprenadoj ĝenerale kaŭzas al la medio kaj al la vivkvalito. Tamen, kiel oni konstatas, de post tiu konferenco la granda amaso da problemoj daŭre superŝarĝas la mondon: postsekvoj de poluado, malŝparado de naturaj vivrimedoj, akcela industriigo, eksponenciala pliiĝo de loĝantar-kvanto, akcidentoj ĉe atom-centraloj, radioaktiveco, senarbarigo, forceja efiko, ktp.

Nuntempe finfine trakuras la mondon ondo da firmaj kaj klaraj konsentoj pri la urĝeco de landaj agadoj por malpliigi mondskale la plej danĝerajn polu-procesojn. Kio do estos prioritata? Kiel oni agu? La respondo al la unua demando estas klare montrita en la lastaj raportoj prezentitaj de la IPCC (Interregistara Komitato pri Klimat-ŝanĝiĝo), la scienca komisiono de Unuiĝintaj Nacioj por mediprotektaj aferoj. Oni ne plu povas nei la evidentecon de tio, ke la homa influo kontribuas kaj daŭre kontribuos al la klimatoŝanĝiĝo en la nuna kaj venontaj jardekoj. La nacioj antaŭ ĉio devas plenumi siajn planojn por efektive malpliigi la


La sunfloraj kampoj – alia ekologia energi-fonto


KOMTAKTO

elĵetojn de karbon-dioksido en la atmosferon. Tio nepre postulas la elekton de renovigeblaj energi-fontoj kaj laŭeblan anstataŭon de la nerenovigeblaj energioj.

### Kreskanta rolo de evoluantaj landoj

Tiusence oni devas reliefigi la kreskantan rolon de Brazilo ĉe la defendo de pli streĉa kaj aŭdaca agado por la konservo de la naturekvilibro kaj por enkonduko de novaj solvoj por la jam forte kompromitita situacio de la planeda natursistemo. Nuntempe la internacia komunumo pli kaj pli atentas tion, kion proponas la disvolviĝantaj landoj, ankoraŭ plenaj je natur-rimeda kapitalo. Inter tiuj landoj Brazilo estas eble la plej riĉa je biodiverseco: ĝi ankoraŭ havas ampleksegan areon kun praarbaroj (Amazonio) kaj sufiĉe grandan areon taŭgan por terkulturado. Krom tio, ĝia teritorio estas kovrita de la plej densa kaj akvoplena riverreto. Brazilo, kalkulante je vera demokratia stabileco, konstruas strukturon kaj strategiojn por evoluigo de siaj potencialoj, zorge observante la principojn de la daŭripova disvolviĝo. Jen kelkaj citaĵoj el la parolado de brazila prezidento, Luiz Inácio Lula da Silva, en la sidejo de UN:

"Ni ne iluziiĝu: se la modelo de la tutmonda disvolviĝo ne estos ŝanĝita, pligrandiĝos la risko de senprecedenca media kaj homa katastrofo. (...) Estas prezoj, kiujn la homaro ne povas pagi, ĉar alie ĝi povas detrui la materiajn kaj spiritajn fontojn de la kolektiva ekzistado, alivorte detrui sin mem. (...) La mondo, tamen, ne sukcesos ŝanĝi sian senrespondecan rilaton al la naturo sen ŝanĝi la karakteron de la rilatoj inter la evoluo kaj la socia justeco. (...) Se ni volas savi la komunan posedaĵon, bezonatas nova kaj pli ekvilibra distribuo de la riĉaĵoj, kaj interne de ĉiu lando, kaj internacie.

Brazilo faras rimarkindajn klopodojn por malpliigi la efikojn de la klimat-ŝanĝiĝo. Sufiĉas diri, ke dum la lastaj jaroj ni reduktis pli ol duone la senarbarigon de Amazonio. Tia rezulto ne estas nur okaza faro. La ĵusaj sukcesoj estas frukto de la pli kaj pli efektiva ĉeesto de la Brazila Ŝtato en la regiono, ebligante la daŭripovan ekonomian, sociedukan kaj kulturan disvolviĝon de ĝiaj pli ol 20 milionoj da loĝantoj.

La mondo urĝe bezonas novan energi-bazon. La biomasaj energi-fontoj estas nepre necesaj por ĝin konstrui. (...) En Brazilo dum lastaj 30 jaroj per la utiligo de etila alkoholo oni evitis la elĵeton de 644 milionoj da tunoj da $CO_2$ en la atmosferon. La etila alkoholo kaj la biomasa energio povas doni bonegajn ŝancojn por pli ol cent malriĉaj kaj evoluantaj landoj. (...) En Brazilo ni donos al la produktado de biomasa energio ĉiujn sociajn kaj medi-protektajn garantiojn."

Krom tiujn temojn, la prezidento de Brazilo tuŝis ankaŭ la komercajn kaj kunlaborajn rilatojn inter la riĉaj kaj malriĉaj, evoluintaj kaj evoluantaj landoj. Ĉe la fino li parolis ankaŭ pri la paco. Laŭ lia opinio la paco estas multe pli, ol nura foresto de milito. Ĝi pensigas ankaŭ pri socia justeco, libereco kaj venko super malsato kaj malriĉeco. La Brazila prezidento finis per la vortoj: "Transformi afliktiĝojn en esperon, militon en pacon – jen la esenco de la misio de la Unuiĝintaj Nacioj. Brazilo daŭre laboros por ke tia altega espero fariĝu realaĵo."




© Leo Ortolani, 1998-2007
Bildstrioj tradukitaj de projekto RoMEo, © 2007. Trad. en Esperanton de Daniele Binaghi

## Rat-Man, paladino de ekologio

Daniele Binaghi, Italio

Rat-Man, la flava musorela itala superheroo, ne nur defendas homojn kontraŭ la krimularo, sed ankaŭ okupiĝas pri ekologio, ĉar li vere zorgas pri la estonteco de nia planedo... do, bone, eble li zorgas pli pri la estonteco de sia stomako, sed ĉu vere oni devas esti tiel ĉikanemaj?

Intertempe la projekto RoMEo (kiu celas esperantigi Rat-Man kaj eldoni libreton kun liaj historioj) daŭras: oni jam tradukis 5 historiojn (fakte, 7, sed pro la aŭtor-rajtaj kialoj ne eblos aperigi du el ili), kaj ili estas nun kontrollegataj. Andrea Rossetto, kiu omaĝos al Rat-Man per originale desegnita historio, jam komencis uzi siajn krajonojn sur la papero. Printmaŝinoj atendas, fumantaj, kaj inkoj likviĝas – baldaŭ *li* alvenos!

Pliajn informojn kaj la eblon aliĝi al la informa dissendo-listo, vi trovos ĉe la paĝaro http://www.pecorElettriche.it/esperanto/RoMEo.

# Esperanta Vikipedio sub atenta rigardo

*(fino, komenco en* Kontakto *2007:4)*

Aleksandro Galkin,
Rusio/Germanio

## Planlingvaj enciklopediaj projektoj

Kvankam Esperanto estas la plej granda kaj plej sukcesa planlingvo (kio interalie, respeguliĝas ankaŭ en la grandeco kaj aktuala stato de Esperanta Vikipedio), ekzistas pluraj planlingvoj, kiuj sukcesis gajni ioman komunumon. Krom pure planlingvaj Vikipedioj, ekzistas Vikipedioj ankaŭ en "ekzotikaj lingvoj", ekzemple en la klasika latina. Tamen nur Esperanta Vikipedio inter ĉiuj aliaj planlingvaj enciklopedioj dume sukcesis iĝi pli-malpli scienca kaj enhavo-plena projekto, ĉiuj aliaj restas tre malgrandaj. Eĉ se laŭ la supraĵa rigardo ili ŝajnas relative grandaj, la kvalito de iliaj artikoloj estas tre malalta (ofte tiaj Vikipedioj plenas je nur aŭtomate kompilitaj paĝoj).

La antaŭulo de Esperanto, la lingvo Volapük (iniciatita de Johann Martin Schleyer en 1880) ĝis antaŭnelonge havis relative malgrandan Vikipedion. Tamen antaŭ kelkaj monatoj dank' al la aŭtomata amas-kreado de artikoloj pri eŭropaj vilaĝoj de Volapuka Vikipedio eĉ superis la Esperantan laŭ la kvanto de la artikoloj. Tamen la profundo de la Volapuka Vikipedio (la resuma kriterio, priskribanta la kvaliton de la tuta enciklopedio) estas egala nur al 2! Por kompari, ni diru, ke la profundo de Esperanta Vikipedio nun estas 13, la profundo de la plej bone ellaborita angla Vikipedio estas 291, la profundoj de la "najbaroj" de Esperanto – la rumana kaj la katalana Vikipedioj estas egalaj respektive al 17 kaj 14. Ĉiu povas facile konvinkiĝi, ke absoluta plimulto de la artikoloj el Volapuka Vikipedio estas nur kelkfrazaj. Laŭ la agnosko de multaj, tia "venko" de Volapuko super Esperanto pli verŝajne estas ĝuste "malvenko", kiu plene senkreditigas tutan Volapukan Vikipedion.

La posteulo de Esperanto, la lingvo Ido, havas en Vikipedio negrandan komunumon, kiu ĝis nun produktis iom pli ol 15 mil artikolojn, la profundo de Ida Vikipedio estas 2.



La tiel nomata Siberia lingvo estas, verŝajne, la plej "skandala" inter ĉiuj artefaritaj lingvoj en Vikipedio. Tiu lingvo estis kreita de Ja. Zolotarev en 2004 kaj estas prezentata kiel "rekonstruo de la parola lingvo de siberiaj popoloj". Tamen ĉe iom atenta pristudo tiu projekto ŝajnas nur lingva amuzaĵo. Vikipedio en tiu lingvo havas iom pli ol 7 mil artikolojn, tamen ili plejparte estas tre malgrandaj. Pro tio, ke iuj artikoloj de tiu Vikipedio havas malkaŝe naciisman (interalie – kontraŭrusan) karakteron, oni jam dum longa tempo penis fermi ĝin; ĉi-septembre oni finfine akceptis la decidon pri la fermo de tiu Vikipedio (ĝi plu estas atingebla, tamen neniuj redaktoj estas permesitaj).

Vikipedio en la latina lingvo estas sufiĉe detale ellaborata (ĝia profundo egalas al 17), sed kreskas sufiĉe malrapide. Nun ĝi okupas la 57an lokon kun ĉ. 15 mil artikoloj.

Vikipedio en Toki Pona (aposteriora planlingvo, kreita de Sonja Elen Kisa en 2001 kaj inspirita de multaj naciaj lingvoj) antaŭe ekzistis ĉe la servilo Wikipedia.org, tamen nun ĝi estas aparta projekto ĉe Wikia.com. Ĝi estas tre malgranda kaj kreskas malrapide. Sendepende de la ĉefa Vikipedia servilo ekzistas ankaŭ Vikipedio en Lingua Franca Nova (aposteriora latinida planlingvo, kreita de C. George Boeree), ĝi havas iom pli ol mil artikolojn. Lasta menciebla planlingva Vikipedio estas la klingona (ĝi estas fikcia planlingvo, kreita de Gene Coon en 1967 por la usona scienc-fikcia serio "Star Trek" – "Stela vojo"). Ankaŭ ĝi antaŭe estis parto de la granda Vikipedia projekto, sed nun ekzistas aparte. Ĝi havas nur ĉirkaŭ 150 artikolojn, ĉefe pri la lingvo mem kaj pri la serio.

Do kiel oni povas vidi, el ĉiuj planlingvoj nur Esperanto havas Vikipedion kun relative granda kvanto de artikoloj kaj bona rilatumo inter kvanto kaj kvalito. Tio, certe, ne estas hazarda kaj estas logika sekvo de tio, ke Esperanta Vikipedio havas propran komunumon (plej grandan, kompare al la komunumoj de la aliaj pritraktitaj lingvoj), kiu aktive kontribuas al Vikipedio verkante, tradukante kaj polurante la enhavon.

Tamen, necesas ankoraŭfoje rimarkigi, ke Esperanto-komunumo estas fokusita ĉefe ĉe la enciklopedia projekto kaj malpli atentas aliajn branĉojn de Vikipedio (ekz., Vikivortaron, Vikifontojn kaj aliajn). Parte tio estas kaŭzita de la fakto, ke Esperanto jam havas kelkajn sufiĉe grandajn retajn bibliotekojn kaj vortarojn. Eble, la transmovo de tiuj jam bone funkciantaj projektoj al nova loko estus temporaba kaj ne nepre profitdona (kompreneble, se oni ne volas uzi la kvanton de la elementoj en tiuj projektoj kiel argumenton por la lingvo kaj movado).



La ĉefpaĝo de Vikipedio en la latina

## Politikaj aspektoj en Esperanta Vikipedio

Vikipedioj en grandaj lingvoj (ekz., la angla kaj germana) kun grandaj sociaj intereso kaj graveco vole-nevole akiris ankaŭ politikan gravecon. Tio kondukas al ofta misuzo de Vikipedio por politikaj celoj: ekz., dum elektoj oni povas intence "kombi" la artikolojn pri sia partio, forigante negativan informon, aŭ endoni falsan kompromitan informon pri rivala partio. Oni povas uzi Vikipedion eĉ por persona venĝo al eksa koramiko aŭ estro. Tio, certe, negative kontribuas al la prestiĝo de Vikipedio kaj estas bona argumento por kontraŭuloj kaj kritikantoj de Vikipedio.

Feliĉe, Esperanta Vikipedio dume restas relative eksterpolitika pro sufiĉe limigita kaj nepolitikema komunumo, mizera politika influo kaj specifeco de la lingvo mem. Esperanta Vikipedio daŭre restas en la statuso de Vikipedio, kiu ne devas kontraŭbati politikajn altrudojn.

## Kopirajtaj aspektoj

Vikipedio, same kiel ties idaj projektoj, disponigas ĉiujn materialojn laŭ la tiel nomata "publika licenco". Tio signifas, ke ĉiuj materialoj de la projektoj povas esti modifataj kaj uzataj ajnmaniere por kiu ajn celo, ankaŭ en komercaj projektoj. Alivorte: la enhavo de Vikipedio estas senpersona, ekzistas nek aŭtor-, nek kopirajto por la tuta enhavo. Ĉiuj volontulaj kunlaborantoj akceptas tiun principon kaj konsentas, ke ilia laboro poste eble estos uzita ajnacele.

Tiu pricipo donas kelkajn limigojn al la enhavo de Vikipedio. Plej grava kaj okulfrapa estas tio, ke se la tuta enhavo de Vikipedio troviĝas en la "publika posedo", do ankaŭ ĝiaj partoj devas esti "publikaj". Tio plej unue validas por bildoj, kiuj estas la plej ofta "fremda" enhavo en Vikipedio. En grandaj Vikipedioj oni zorge kontrolas la originon de ĉiu bildo kaj tre rapide forigas la bildojn, kies statuso estas neklara aŭ por kiuj oni konstatis, ke ili ne povas esti libere uzataj. Strikta realigo de tiu principo iusence bridas la evoluon de Vikipedioj, sed samtempe instigas la kunlaborantojn serĉi aliajn fontojn de la libere uzeblaj bildoj. Por libere uzeblaj bildoj, sonoj kaj aliaj plurmediaj elementoj oni aranĝis specialan projekton – la t.n. Komunejon. Bildoj kaj aliaj dosieroj, kiujn oni deponis tie, estas alireblaj de ajna vikipedio kaj povas esti enmetitaj en artikolojn sen plia peno.

Tamen, ne ĉiam eblas trovi nur liberajn bildojn. Se oni, ekzemple, verkas artikolon pri iu sufiĉe nova filmo aŭ pri iu ankoraŭ vivanta eminentulo, do tute ne facilas trovi liberajn bildojn pri la temo. Tiun tiklan momenton oni malsame traktas en diversaj Vikipedioj, ĉefe konsiderante la lokajn leĝojn pri kopirajtoj. En multaj landoj oni povas uzi eĉ ŝajne neliberajn bildojn, se la uzo ne celas komercan gajnon. Ekzemple, oni povas uzi kelkajn bildojn el la filmo por ilustri la artikolon pri tiu filmo aŭ fotojn de iu magazino en la artikolo pri tiu magazino: tio apenaŭ estas malica aŭ celas akiron de gajno. Tiun "senprofitan" uzon oni nomas "justa uzo" kaj por ĉiu bildo, kiun oni uzas tiucele, oni devas klare argumenti, por kiu celo oni uzas la bildon kaj kial tiu uzo estas justa. Tio ebligas la uzon de multe pli granda aro da bildoj por ilustraĵoj, sed limigas la uzon de la bildo nur al unu Vikipedio.

Dume Esperanta Vikipedio ĝuas escepte mildajn kondiĉojn pri kopirajtoj. Oni apenaŭ forigas bildojn el ĝi, kaj neniu kontrolas, ĉu ĉiuj bildoj estas vere liberaj en la artikolo, kiam oni donas al ĝi la statuson de leginda aŭ elstara. Oni do povas paroli pri certaj avantaĝoj de



Nemalofte la paĝoj de Vikipedio fariĝas tre politike engaĝitaj

Esperanta Vikipedio. Tamen, tiu situacio ne estas tute bona, kaj jam aperas la antaŭsignoj de maturiĝo de propra kopirajta sistemo. Tiu ankoraŭ troviĝas en ĝerma stato, sed ankaŭ en la matura formo ĝi, plej verŝajne, estos la plej liberala el ĉiuj kopirajtaj sistemoj en la mondo.

## Kion Esperanto-Vikipedio bezonas kaj kiel oni povas helpi al ĝi

Kvankam oni ofte emas fanfaroni pri la atingoj de Esperanta Vikipedio, ĝi daŭre bezonas helpon de la esperantista komunumo. Kiel oni povis legi en la supre prezentitaj pritaksoj, la kvanto de aktivaj kunlaborantoj de Esperanta Vikipedio estas tute ne granda – iom pli ol cent homoj. Tiel malgranda komunumo certe ne estas ĉiopova, kaj kompare al aliaj lingvaj komunumoj, ĝi estas ege malgranda!

Kial do nur cent homoj regule okupiĝas pri Vikipedio? La kialoj multas. Iuj dekomence malŝatas la sistemon de libera kunlaboro. Aliaj simple ne scias, kion fari kaj hezitas redakti artikolojn, ĉar timas ion fuŝi. Fakuloj legas kelkajn siatemajn artikolojn kaj senreviĝas pri Vikipedio, vidante multajn laikaĵojn tie. Plimalpli spertaj esperantistoj trovas en Vikipedio multajn gramatikajn erarojn kaj tuj fipensas pri la ĝenerala kvalito de la enciklopedio.

Kompreneble, Esperanta Vikipedio, same kiel ĉiu alia Vikipedio, havas mankojn kaj problemojn. Multaj artikoloj ne estas maturaj kaj enciklopediaj. Multaj ŝajne "maturaj" artikoloj estas sufiĉe laikaj enhave. Tio veras. Sed same veras, ke Vikipedio estas konstante maturiĝanta kaj evoluanta projekto. Kaj ties evoluo forte dependas de ĉiu unuopa kontribuanto. Kontribui al Esperanta Vikipedio estas ege facile – sufiĉas nur klaki "redaktu"-butonon super la artikolo, kaj oni tuj vidos la tekston de la artikolo kaj povos ĝin redakti. Ĉiu versio de ĉiu artikolo estas konservata, do, oni ne povas forigi aŭ malbonigi ion definitive – ĉiu eraro estas facile korektebla. Oni ĉiam memoru tion; krome, oni simple aliru Vikipedion kun kuraĝo kaj eĉ iom da impertinento.

Kion do plej unue bezonas Esperanta Vikipedio? La respondo evidentas: plej unue ni bezonas pligrandigon de la vikipediista komunumo. Eble iom mirinde, sed mi kuraĝus aserti, ke Esperanta Vikipedio dume, verŝajne, ne bezonas pliajn artikolojn. La nuna stato de la enciklopedio estas tia, ke jam ekzistas artikoloj pri ĉiuj esence gravaj temoj. Nun oni


Diskutejo de Esperanta Vikipedio

devas ampleksigi tiujn artikolojn, por ke ilia enhavo estu ne nur deklara, sed vere enciklopedia kaj scienca. En la Vikipedia Diskutejo oni proponis novan celon por Esperanta Vikipedio, kiun oni starigu post kiam ĝi atingos la grandecon de 100 mil artikoloj: la nova celo estas prepari milon da legindaj artikoloj, do, la artikoloj kun vere bona stilo kaj enciklopedia enhavo. Dume en Esperanta Vikipedio troveblas ĉ. 200 "bonaj" artikoloj (kun la statuso "elstara" kaj "leginda"), sed ne ĉiu artikolo, havanta tiun statuson estas vere bona – multaj artikoloj, kiuj ricevis tiun statuson en la komenca fazo, jam ne plu eltenas la nuntempajn kriteriojn de elstareco.

Krom la artikolojn Vikipedio ege bezonas sistemajn paĝojn. La internaj paĝoj de Esperanta Vikipedio (la paĝoj pri reguloj, helpopaĝoj pri diversaj ŝablonoj ktp) nun aŭ tute mankas, aŭ estas en ĝerma stato. Ĝuste pro tio nia Vikipedio havas malaltan "profundon" – kun sufiĉe granda kvanto de artikoloj ĝi havas neproporcie malmulte da sistemaj neartikolaj paĝoj.

Kion do povas fari hazarda kontribuanto? Ĉiu, eĉ tre malgranda ŝanĝo (kaj tiom pli – kompetenta faka kontribuo) estos valora por Vikipedio kaj estos granda helpo por ĝia evoluo. Por hazardaj redaktantoj mi proponas la jenajn konsilojn pri tio, kiel oni povas rapide kontribui al Vikipedio:


Portalo de Vikipedia Komunumo

1. Klaku sur la frazon "Lastaj ŝanĝoj" maldekstre de Vikipedia paĝo. Vi vidos, kiujn artikolojn oni redaktis plej laste. Preskaŭ ĉiam, kiam mi rigardas tien, mi trovas iujn artikolojn, kiujn mi volonte legus – kaj dum lego mi ne ĉiam povas deteni min de redaktado. Eĉ se via redakto estos nur korekto de eta mistajpo aŭ aldono de nur unu frazo – eĉ tio estos valora!

2. Provu trovi artikolon pri via loĝloko, gepatra lingvo, lando, mono, ŝatokupo, ŝatata filmo, televidserio, aktoro ktp. Se la artikolo jam ekzistas, vi certe vidos, ke tie mankas iu informo, kiun vi kiel lokano aŭ ŝatanto de la temo scias pli bone, ol la aliaj. Kuraĝe aldonu tion, kion vi scias kaj same kuraĝe forigu ĉion, kio ŝajnas al vi dubinda aŭ entute malvera.

3. Iru al Vikipedio en via gepatra lingvo kaj trovu tie artikolojn pri la temoj, kiuj vin interesas. Se la artikoloj plaĉas al vi, provu traduki ilin al Esperanto. Ne gravas, ĉu via traduko estos neplena kaj ĉu ĝi enhavos lingvajn eraretojn – pli gravas, ke en Esperanta Vikipedio aperos enhavoriĉa artikolo. Iu vica hazarda vizitanto de la paĝo poste korektos la lingvaĵon kaj stilon.

4. Surklaku la frazon "Hazarda paĝo" (tuj sub "Lastaj ŝanĝoj"). Eble vi vidos la artikolojn, kiuj estas neadekvate malgrandaj. Eksentu vin detektivo kaj provu eltrovi maksimuman informon pri la temo: kion oni skribas pri tio en aliaj Vikipedioj? Eble en la reto troveblas pli da informo? Aŭ en la loka biblioteko? Ne hezitu eksperimenti, kuraĝe aldonu informon el ĉiuj fontoj, kiujn vi trovos. Sed estu singarda: tio povas rapide iĝi por vi dependiga afero!

5. Eĉ se vi tute pigras verki aŭ traduki ion, vi tamen povas helpi al Vikipedio. Ĉu vi havas ciferecan fotilon? Ĉirkaŭrigardu kaj provu trovi ion, kio helpus ilustri la artikolojn. Se vi havas belan tapiŝon – fotu ĝin kaj aldonu la foton al la artikolo pri tapiŝoj. Se vi fieras pri viaj novaj kontraŭsunaj okulvitroj – fotu ilin kaj eble lanĉu la artikolon pri kontraŭsunaj okulvitroj. Se vi loĝas ĉe la maro, fotu la maron. Se en la urbo – fotu ĝiajn vidindaĵojn kaj aldonu ilin al la artikolo pri la urbo aŭ kreu apartajn artikolojn pri ili. Ne bridu vian imagon!

Se vi bezonas iun helpon pri Vikipedio, havas iun demandon aŭ simple volas ion diri al la komunumo (eĉ anonime), simple iru al la jena pago: http://eo.wikipedia.org/wiki/Vikipedio:Helpumin. Tie vi povas simple musklaki al "aldonu peton/opinion" kaj skribi vian demandon aŭ komenton. Via demando estos plejeble rapide respondita fare de spertaj uzantoj de Vikipedio aŭ administrantoj. Krome, mi ĝojos ricevi viajn demandojn kaj opiniojn retpoŝte, mia adreso estas: alaudo @gmail.com.

## Interesaj faktoj pri Esperanta Vikipedio

Estas interese, ke inter la relative grandaj Vikipedioj la Esperanta estas la tria laŭ la averaĝa kvanto de artikoloj por unu parolanto de la lingvo (se kredi al la aserto, ke Esperanto havas 2 milionojn da parolantoj): tio estas 1 artikolo por 20,8 parolantoj. Ĉi-rilate Esperanton superas nur islanda kaj nunorska Vikipedioj (Ida kaj Volapuko Vikipedioj havas tiel malmulte da parolantoj, ke malfacilas serioze konsideri tiun indicon por ili). La islanda kaj nunorska staras pli supre nur pro tio, ke la parolantaro de tiuj lingvoj estas ege malgranda. Se oni konsiderus nur Vikipediojn en la lingvoj kun almenaŭ miliono da parolantoj, la Esperanta estus sur la unua loko.

Jen ankoraŭ unu interesaĵo: la fondaĵo Vikimedia, kiu administras tutan Vikipedion, estas nekomerca organizaĵo, en kiu plejparto de la laboro estas farata de volontuloj. La ununura pagata programisto de la fondaĵo, kiu evoluigas la programaron de Vikipedio, estas Brion Vibber – li estas esperantisto kaj administranto en Esperanta Vikipedio!




# Vojaĝ-raporto el Alĝerio: Kelkaj impresoj pri la berbera kulturo

François Parchemin, Francio

**Kadre de mia poresperanta vojaĝo en Alĝerio min gastigis esperantisto el la regiono de Beĵajo (urbo en la norda parto de Alĝerio): jen okazo por malkovreti la berberan kulturon. Oni last-minute proponis al tri francaj geesperantistoj veni en Alĝerion por helpi al organizado de interkultura programo. Jen la eblo por vigligi la balbutan alĝeran Esperanto-movadon…**

## La ĉefurbo de la lando

Do jen mi estas en Alĝerio por mallonga semajno. Kutime kiam mi vojaĝas al nekonata lando mi amasigas la librojn pri ĝi kaj legas ilin antaŭ la ekiro. Ĉi-foje mi tamen aliris landon sen antaŭa preparado.

En Alĝero ni restis tri tagojn. Temis pri la "labora" parto de nia restado kaj ni do ne havis tempon por viziti ĉion. Ni tamen sukcesis aŭte trairi la stratojn; kelkaj el ili ankoraŭ estas ege francaj kaj prezentas vidaĵon konforman al la plej perfekta Hausmann-a stilo (*vidu noton*). La vojaĝo en la landon, kiu akiris sian sendependecon nur en 1962, estas iom stranga. Ankoraŭ restas multo de la antaŭsendependa periodo, interalie la lingvo: ĉie la ŝildoj estas en la franca, multaj gazetoj estas en la franca kaj preskaŭ ĉiu parolas la francan lingvon.

Ni haltetas ĉe la monumento memore al la martiroj de la milito por sendependeco. Ĝi troviĝas super la urbo kaj tiel ni povas admiri la golfeton de Alĝero dum la krepusko. Mi loĝas en Provenca Aikso apud Marsejlo, ĝuste ĉe la alia flanko de la maro. Mi jam sciis ke Alĝero similas al Marsejlo, tamen nun, kiam mi rigardas la urbon mem, la simileco en aspekto kaj ankaŭ en la etoso estas vere frapa.

## La vojo al Kabilio

Post nia restado en Alĝero ni veturas en Kabilion – ĝi estas regiono nordoriente de Alĝerio. Unue ni atingis Tizi-Uzu, kie ni renkontis la direktoron de la kulturdomo por diskuti pri ebla Esperanto-staĝo tie. La tieaj kulturdomoj estas interesaj ejoj, pri kiuj mi parolos iom poste.

Post Tizi-Uzu ni aŭte grimpis sur la kabilajn montetojn. En korkokverka arbaro ni haltas en turismeta loko. Ĉe la vojrandoj oni vendas metiaĵojn, kaj akvon oni povas ĉerpi el fontoj. Tie min atendas surprizo: simioj. Laŭ komentoj de alĝeriano Farid temas pri la specio, kiun oni trovas nur en Kabilio. Ili ofte ĝuas kukdonacojn de la preterpasantoj.

Finfine ni venas al Trifritin, la vilaĝo de alĝerianoj Nadir kaj Farid, kie ni loĝis kelkajn tagojn.

## Iom pri la lokanoj

Kabiloj estas indiĝena popolo de Alĝerio. Kabilio kuŝas nordoriente de la lando, inter la montaro kaj la maro. La kabila lingvo (*taqbaylit*) estas unu la berberaj lingvoj (*tamaziĥt*) kaj la homoj, kiujn mi renkontis, prezentis sin samtempe kabiloj kaj berberoj.

Necesas rimarki, ke berberoj estas ne etna grupo, sed nur lingva. Aspekt-diverseco inter berberoj estas sufiĉe granda, de bluaj okuloj en Kabilio ĝis nigra haŭto en Saharo; ili tamen opinias, ke ili estas la sama popolo. Etimologie "berbero" venas de la greka vorto "barbaro". Kompreneble, la berberoj mem uzas alian nomon: ili nomas sin *tamaziĥt*, kio signifas "liberaj homoj". Ilia lingvo (fakte, lingvaro, ĉar ĝi havas multajn branĉojn) nomiĝas *amaziĥ* (en singularo) aŭ *tamaziĥt* (plurale). Krom la kabila lingvo, al la berbera grupo apartenas ankaŭ la ŝeluha (*taŝelhit*) kaj la rifa (*tarifit*), uzataj en Maroko; multaj aliaj malpli grandaj lingvoj de la sama grupo estas uzataj en Tunizio, Libio kaj Egiptio. Ankaŭ la tuaregoj (eble pli famaj laŭ la kromnomo "bluaj homoj") kaj indiĝenoj de Kanarioj parolas la berberajn lingvojn.

Laŭ la franclingva Vikipedio, la kvin landoj, en kiuj loĝas la plimulto de la berber-lingvanoj estas Maroko (12 milionoj), Alĝerio (8,5 milionoj), Francio (1,2 miliono), Niĝero (1 miliono) kaj Malio (0,7 miliono).

## Batalo por sia lingvo

La berberaj lingvoj nenie estas oficialaj; nur kiel "naciaj lingvoj" ili estas agnoskitaj en Niĝero, Malio kaj Alĝerio (ekde 2002). En Alĝerio oni nuntempe cerbumas pri Akademio de la berbera lingvo; en Maroko la reĝo kreis en 2001 la Reĝan Instituton de la berbera kulturo. Temas do pri la unuaj paŝoj al la plena agnosko.

Berberoj vere batalas por siaj lingvoj, kiel ekzemple en 1980 kaj 2001 dum la t. n. "berberaj printempoj". Dum nia restado en Kabilio niaj






gastigantoj montris al ni surstratajn portretojn de la kabilaj martiroj. Post la sendependiĝo la alĝeria ŝtato faris la decidon pri arabigo de la lando. Do la instru-lingvo ĉie estis la araba. En Kabilio oni eĉ speciale invitis alilandajn instruistojn (ekz. el Palestino aŭ Egiptio) por ke ili instruu nur arablingve.

Kabiloj sukcesas subteni la berberlingvan kulturon dank' al la kulturdomoj, kiujn oni povas trovi en ĉiuj urboj. Tie la vorto "kulturdomo" fakte signifas "la domo de la berbera kulturo". Kompreneble, la defendado de la minoritata lingvo estas laŭdinda afero, tamen, bedaŭrinde, fojfoje oni povas observi ankaŭ la kontraŭarabajn sentojn...

## Nova-malnova alfabeto

Ĝenerale, por skribi en siaj lingvoj berberoj uzas latinan alfabeton kun kelkaj modifitaj literoj. Antaŭe oni uzis por tiu celo ankaŭ la araban skribon. Tamen revigligante sian lingvon, berberoj decidis ree ekuzi la malnovan alfabeton, kiu nomiĝas *tifinaĥ*. Inventita en la 3-a jarcento a.K. la alfabeto *tifinaĥ* multe ŝanĝiĝis. Same kiel la berberaj lingvoj, tiu skribmaniero havas multajn lokajn variaĵojn. En la 60-aj jaroj de la 20-a jarcento oni proponis la nov-*tifinaĥ*-an alfabeton, per kiu oni povas skribi en ĉiuj berberaj dialektoj. Tiu skribo estas fakte uzata: dum mia vojaĝo mi ofte vidis ŝildojn, skribitajn per tiu alfabeto.

En la tabelo estas prezentitaj

| | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ∘ | ⊖ | ⊕ | ⵅ | ⵅ | ⵅ | ⵜ̇ | Λ | V | ⴹ | Ǝ | ⵓ | ⵀ | ⴽ | ∵ | ⴾ |
| a | b | bh | g | gh | ĝ | ĝ | d | d | d | d | e | ſ | k | k | kh |
| Φ | ∅ | ⋮ | ⵅ | ⵃ | Ж | ∷ | ⵥ | ⋯ | ⵉ | ⊥ | ⵋ | ⵜ | ǀ | ⊏ | ǀ |
| b | h | h | h | ĥ | ĥ | ĥ | k | k | i | ĵ | ĵ | ĵ | l | m | n |
| + | ¡ | ⵛ | ⵓ | ○ | Q | Ⴤ | ⋮ | ⁙ | ⊙ | ⌀ | ⵛ | ⵜ | X | ⵞ | ⴹ |
| nj | ng | p | ŭ | r | rr | ĥ | ĥ | ĝ | s | s | ŝ | t | t | ĉ | t |
| Δ | ⊔ | ⵢ | ⵥ | ↑ | ⵥ | | | | | | | | | | |
| v | ŭ | j | z | z | zd | | | | | | | | | | |

la literoj de tiu alfabeto. Ili estas sufiĉe multnombraj; unue, pro tio, ke ĝi estas uzata por diversaj dialektoj kaj due – pro tio, ke en la berberaj lingvoj estas pli multe da sonoj, ol en Esperanto (do la prononc-indikoj estas nur tre proksimumaj).

## Fino de l' vojaĝo

Nia vojaĝo finiĝis en Beĵajo, la ekonomia ĉefurbo de Kabilio. Post semajna restado en Alĝerio mi venis al la konkludo, ke Alĝerio tute ne estas araba lando – ĝi estas lando, en kiu regas plena trilingveco. Ni esperu, ke tio ne kondukos al kvereloj, ja multlingveco estas unika ŝanco por ĉiu unuopa homo – espereble la alĝerianoj komprenos, ke tio estas granda ŝanco ankaŭ por la lando.

*Noto:* Barono Georges-Eugène Haussmann (1809-1891), prefekto de la departamento Sejno, meze de la 19a jarcento gvidis la rekonstruadon de Parizo. Dum tiuj ŝanĝoj estis kreitaj grandegaj bulvardoj kun aparta stilo. En multaj francaj urboj oni nun parolas pri Haussmann-aj aŭ Haussmann-stilaj bulvardoj.

**Foto 1:** Speco de la surmuraj pentraĵoj en Kabilio. **Foto 2:** Monumento memore al la martiroj de la milito por sendependeco. **Foto 3:** Trilingvaj skribaĵoj sur la konstruaĵo domo de la Beĵaja universitato. **Foto 4:** Trilingvaj vojindikiloj.

Fotoj de la aŭtoro

# La aventuroj de Si Jehha

## (Ŝerc-rakonto el la berbera lingvo)

*Esperantigis Ĝamila Nait-Ahmed, lingve korektis François Parchemin*

**En tiu historio oni rakontas pri Jehha (prononcu Ĝihha), kiu estas fama heroo de ŝercaj rakontoj en multaj landoj de Afriko kaj Azio, sed ĉefe en** Kabilio**. Liaj amuzaj** aventuroj **ofte igas nin pensi pri seriozaj aferoj.**

Foje la **sultano** invitas Jehha-n partopreni iun feston. Jehha alvenas al la sultano vestite kiel mal-riĉ-ulo. Kiam li estas antaŭ la pordo de la sultana domo, la pordisto mal-permesas al li eniri, ĉar li traktas ĝentile kaj estimoplene nur tiujn, kiuj estas feste vestitaj. Jehha for-iras kaj aĉetas ĉe vest-far-isto belan veston. Li bele aranĝas siajn harojn, lavas sin en publika banejo kaj poste re-venas al la sultano, aspektanta kvazaŭ edz-iĝ-onto.

Ĉi-foje la pordisto ĝentile traktas lin: li en-ir-igas Jehha-n en la gasto-ĉambron. Ĉiuj ek-sidas ĉirkaŭ la tablon kaj ek-manĝas. Jehha prenas pecon de viando kaj metas ĝin sur sian veston, dirante: "Manĝu, ho mia vesto, manĝu!". Poste li prenas alian pecon de viando kaj metas ĝin en sian **turbanon**: "Manĝu, ho turbano, manĝu!".

La gastoj miras pri tia sin-teno kaj demandas lin: "Kio do okazas, Jehha?". Kaj Jehha respondas: "Mi venis kun malnova vesto – kaj oni ne lasis min en-iri. Kiam mi venis kun bela vesto, oni traktis min plej ĝentile. Do estas ne mi, kiu meritas manĝi, sed miaj vestoj!".

**aventuro** – interesa, ne-ordinara okazaĵo
**Kabilio** – regiono en Afriko, parto de Alĝerio
**sultano** – reg-anto, reĝo en Afrikaj aŭ Aziaj landoj
**turbano** – speciala kap-vesto en Afrikaj kaj Aziaj landoj (vidu la bildon)

Facila

Si Jehha (ankaŭ konata kiel Hoĝa Nasreddin): tradicia popol-historia heroo de la arabaj kaj centr-aziaj landoj

VIKIPEDIO

# Brakumi la Teron




Aneta Ubik, Germanio/Argentino

Ĉu ne estas mir-inde? Vi sidas en la aŭtobuso, estante en viaj pensoj jam hejme. Sed iu-momente vi komprenas, ke homo, kiu sidas apud vi, estas la plej proksima al vi estaĵo en la mondo! Ĝuste tiu-momente vi kune trafis tiun anguleton, preparitan al vi de via **sorto**. Tute ne estas **hazardaĵo**, ke ĝuste vi troviĝas apud ĝuste tiu persono, ĉu ĝi estas ino aŭ viro, ĉu kun lip-haroj aŭ sen... Kaj estas via elekto – ĉu kompreni aŭ ne kompreni la gravecon de la momento. Tio estas mal-facila arto – senti vin viva dum aparte prenita momento, sed vi provu: kaj vi sentos, kiel grava kaj vivo-plena vi estas. Ĉiu-momente ni staras ĉe la **vojkruciĝo** kaj faras decidon. Vivo-gravan decidon – ĉu vi decidas nun pur-igi viajn dentojn aŭ manĝi dolĉaĵojn anstataŭe. Vi povas elekti legi ĉi tiun Anguleton aŭ for-ĵeti la revuon post rapida tra-rigardo. Se vi tamen decidas legi ĝin, vi nun rigardas tiujn ĉi liniojn kun almenaŭ unu alia homo, kaj li nun iu-sence estas la plej proksima homo al vi dum ĝuste tiu ĉi momento. Mirinde estas pensi, ke ajnamomente vi estas proskima al la Tero kaj povas mense brak-umi ĝin. Ĉu vi iam provis brakumi nian karan Teron? Provu... estas mirinde, ĉu ne?

**hazardaĵo** – io tute ne antaŭ-plan-ita, io ne preparita
**sorto** – super-natura forto, pri kiu oni kredas, ke ĝi antaŭ-aranĝas tutan nian vivon
**vojkruciĝo** – la loko, kie du vojoj "renkontas" unu la alian kaj iras plue





# Kotiztabelo de UEA por 2008

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 15 | 38 | 96 | 58 | 35 | 192 |
| Aŭstrio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Belgio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Brazilo/eŭro | 5 | 12 | 29 | 17 | 10 | 58 |
| Britio/pundo | 6 | 16 | 39 | 25 | 15 | 78 |
| Ĉehio/krono | 200 | 490 | 1220 | 770 | 460 | 2440 |
| Danio/krono | 70 | 170 | 430 | 275 | 165 | 860 |
| Estonio/krono | 85 | 210 | 515 | 325 | 195 | 1030 |
| Finnlando/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Francio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Germanio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Greklando/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Hispanio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Hungario/forinto | 1700 | 4300 | 10750 | 6850 | 4100 | 21500 |
| Irlando/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Islando/eŭro | 9 | 23 | 58 | 35 | 20 | 114 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 45 | 27 | 16 | 90 |
| Italio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Japanio/eno | 1500 | 3700 | 9200 | 5500 | 3300 | 18400 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Latvio/lato | 4 | 9 | 23 | 15 | 9 46 | |
| Litovio/lido | 18 | 45 | 110 | 70 | 42 | 220 |
| Nederlando/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Norvegio/krono | 75 | 190 | 470 | 280 | 170 | 940 |
| Nov-Zelando/dol. | 18 | 45 | 113 | 68 | 41 | 226 |
| Pollando/zloto | 22 | 55 | 140 | 90 | 54 | 280 |
| Portugalio/eŭro | 9 | 23 | 58 | 37 | 22 | 116 |
| Rusio/eŭro | 5 | 12 | 29 | 17 | 10 | 58 |
| Slovakio/krono | 230 | 570 | 1425 | 910 | 550 | 2850 |
| Slovenio/eŭro | 6 | 16 | 40 | 25 | 15 | 80 |
| Svedio/krono | 85 | 215 | 540 | 345 | 205 | 1080 |
| Svislando/franko | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Usono/dolaro | 12 | 29 | 72 | 43 | 26 | 144 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |
| TARIFO B/eŭro | 5 | 12 | 29 | 17 | 10 | 58 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭBelgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro kaj Slovenio laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Bulgario, Latvio, Litovio kaj Rumanio laŭ Estonio.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

Mallongigoj:
MG – Membro kun Gvidlibro
MJ – Membro kun Jarlibro
MJ-T – MJ malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon TEJO tutmonde)
MA – Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj la revuon Esperanto)
MA-T – MA malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon TEJO tutmonde)
SA – Simpla abono de revuo Esperanto sen membreco
Kto – Simpla abono de revuo *Kontakto*
SZ – Societo Zamenhof (subtena kotizo aldone al membrokotizo)
PT – Patrono de TEJO: 3-oblo de MJ (ricevas *Kontakto* kaj TEJO Tutmonde)
DM – Dumviva Membro: 25-oblo de MA (ricevas dumvive la samon kiel MA)
DMJ – Dumiva Membro kun Jarlibro: 25-oble de MJ (ricevas dumvive la samon kiel MJ)
Kiel individuaj membroj de TEJO (MJ-T aŭ MA-T) por 2006 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1an de januaro 2006 (t. e. kiuj naskiĝis en 1976 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.
Eblas aboni ankaŭ al TEJO tutmonde sen membreco en TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo por la koncerna lando.
Oni povas pagi pere de la perantoj de UEA, aŭ rekte al UEA per ĝiro al ĝia banka aŭ poŝta konto, per ĉeko aŭ poŝtmandato, aŭ per kreditkarto.




# VIZITI FOIRON

Li Jianhua, Ĉinio

**Jen la rakonto pri la ŝanĝoj, kiuj okazis en malgranda vilaĝo de Ĉinio dum 20 jaroj – ĉio vidata de la okuloj de vilaĝano, kiu post longa tempo revenas al sia iama hejmo.**

Mi naskiĝis en 1981 en malgranda vilaĝo en Hebei-regiono de norda Ĉinio. Tiam la tiea ekonomio estis tre malbona kaj ege diferencis de la urba ekonomio. En urboj oni povis facile aĉeti la bezonatajn aĵojn en mem-serv-ejo aŭ vendejoj, sed en vilaĝoj ne ekzistis mem-servejo nek vendejo, kaj oni povis aĉeti aĵojn nur en **foiro**.

En mia memoro la tiama foiro estis tre simpla. Oni starigis simplan tablon sur la teron kaj metis ŝtof-pecon sur ĝin, kaj sur la ŝtofo kuŝis komercaĵoj. Iuj vendantoj eĉ ne havis la tablon kaj ŝtofon, do ili nur metis paperon sur la teron kaj poste metis la komercaĵojn sur la paperon. La foiro estis malgranda – se oni staris sur alta loko, oni povis vidi la tutan foiron, unu horo estis sufiĉa por tra-iri ĝin. La ĉefaj komercaĵoj en la foiro estis ĉiutagaj necesaĵoj kaj iloj por kampaj laboroj. En la foiro oni vendis ankaŭ fruktojn, lego-mojn kaj aliajn manĝaĵojn. Kiam mi estis infano, mi ĉiam atendis la tagon de foiro, kalkulante la tagojn per la fingroj, ĉar en tiuj tagoj miaj gepatroj ofte aĉetis al mi bon-gust-aĵojn.

Tiam mia familio ne havis biciklon, kaj mia patrino devis iri al la foiro piede kun korbo. Dum la rea vojo ni foje povis pet-veturi per bov-**ĉaro**. Ni bezonis ĉirkaŭ duon-tagon por viziti foiron, ĉar la pied-ir-ado for-prenis multe da tempo. Mi, mia patrino kaj mia pli juna frato vizitadis la foiron kune. Lac-iĝ-inte pro irado, mia pli juna frato petis la patrinon porti lin sur-dorse. La mal-larĝa vojo estis malebena kaj malpura. Somere post pluvoj estis multe da akvo sur la vojo; pro tio, ke mi iris sen ŝuoj, miaj piedoj ofte estis pik-ataj. Kiam mi estis laca, ankaŭ mi petis mian patri-non porti min sur-dorse. Kaj tiam mia patrino ofte mal-konsentis, dirante: “Kiam ni venos al la foiro, mi aĉetos por vi bongustajn **baoziojn**.” Aŭdinte tion, mi ne plu ripetis mian peton. Ĉiu-foje mia patrino aĉetis tri baozio-jn: unu por mi, la duan ŝi dividis kun mia pli juna frato, kaj la lasta estis de-nove por mi por la rea vojo.

Post kiam mi en-iris mez-lern-ejon, mi mal-ofte iris kun la patrino al foiro. Kiam mi studis en universitato en alia loko, mi ne plu vizitis foiron dum longa tempo. Fine de 2006 mi iris hejmen por viziti miajn gepatrojn. En la sekva tago estis foiro, do mi denove povis viziti ĝin.

“Jianhua, el-puŝu la **motorciklon** el la interna ĉambro kaj ni veturu per ĝi al foiro” – tion diris mia patrino pur-ig-ante la manĝ-il-arojn post la maten-manĝo. Kiam mi estis infano, mia plej granda deziro estis havi biciklon, por ke la patrino povu veturi al foiro kune kun ni per ĝi – sed nun mia familio havas eĉ motorcik-lon! Post la reformoj en Ĉinio la kamp-ar-anoj iom post iom riĉ-iĝis. Komence la riĉaj kamparanoj aĉetis biciklojn; poste aperis ankaŭ motorcikloj. Kiam ni venis al la foir-ejo, ni ekvidis multajn vicojn da motorcikloj de diversaj specoj. Kiam mi studis en mezlernejo, tie estis nur bicikloj.

La foiro estis tre vigla. Tie oni vendis mar-produk-tojn, vestojn, ŝtofojn, lego-mojn, fruktojn, fer-aĵojn kaj multe da aliaj objektoj. Oni vendis eĉ komput-ilojn, modernajn disk-aparatojn kaj motorciklojn.

Ĉe la foirejo estas komput-il-ejo kun dekoj da kom-putiloj. Plej-parto de la vizit-antoj estas junuloj, estas ankaŭ kelkaj mez-aĝ-uloj. Ili aŭskultas muzikon, legas nov-aĵojn aŭ per-komputile parolas kun la amikoj aŭ famili-anoj el mal-proksima loko. Apud la komputilejo estas komputila instru-cen-tro. Ĝia mastro diris al mi: “Mia instru-ejo ek-funkciis antaŭ kelkaj monatoj, sed multaj homoj jam venas por lernado!” Dirinte tion, la mastro vid-igis grandan ĝojon sur la vizaĝo.

En la foiro mi renkontis unu el miaj sam-klas-anoj el la lernejo. Nun li estas mas-tro de mem-serv-ejo kaj estas ĉiam okupita de komerc-ado. Li diris al mi: “La komercado en mia mem-servejo estas tre bona. Pro multe da laboro mi invitis tri familianojn helpi min. Ĉi tie estas ĉirkaŭ du mil specoj de komercaĵoj kaj la vilaĝ-anoj povas aĉeti preskaŭ ĉion, kion ili bezonas.”

Post la inter-parolo kun mia samklasano mi ekvidis, ke multaj homoj kolektiĝis en unu loko. Mi iris tien kaj trovis, ke tie oni vendas por-amuzajn bestojn. Multaj kamparanoj riĉiĝis, tial la mal-jun-uloj ne plu devas labori sur la kampo, do ili kresk-igas florojn aŭ or-fiŝojn por sin amuzi.

Mia patrino aĉetis du ple-najn korbojn da freŝaj fruk-toj, legomoj, viando kaj fiŝoj, kaj ankaŭ freŝan floron en ujo. Baldaŭ ni re-venis hej-men per la motorciklo. Kaj tiam mi ekhavis la deziron ripeti la veturadon en bov-ĉaro, sed mi scias, ke tio jam estas neebla, ĉar por la kampa laboro en nia vilaĝo oni jam uzas maŝinojn, do neniu plu havas bovojn.

***baozi*-o** – ĉina bon-gust-aĵo, speco de kuko
**ĉaro** – simpla kampara veturilo, tirata de iu granda besto
**Ĉinio** – la plej granda lando, kiu plene troviĝas en Azio
**foiro** – granda pli-malpli regula kun-veno de multaj vendistoj en unu sama loko
**motorciklo** – negranda veturilo, simila al biciklo, sed povanta moviĝi sen helpo de homo


Oni rigardas la or-fiŝojn